XXVIII-a Jaro. — N° 381 (5) Monata Majo 1932.

# ESPERANTO

Internacia Revuo eldonata de Universala Esperanto-Asocio

Fondinto: H. HODLER. — Redaktoro: D-ro Edmond PRIVAT. — Direktoro de UEA: Hans JAKOB.

Adreso de la Redakcio kaj Administracio: 1, Rue de la Tour de l'Ile, Genève.



## Esperanto - Domo

Kiom da fojoj esperantistoj revis pri Esperanto Domo, vera hejmo de la verda standardo kun ĉiuj surskriboj en nia lingvo, kvazaŭ modela internacia hotelo de la estonta jarcento. Nun la revo fakte realiĝis en Arnhem, kie la urbestraro disponigis al la Ĉe-Instituto belan domon en ĉarma parko.

Oraj literoj « *Esperanto-Domo* » super la enirejo bonvenigas la vizitantojn. Sur la diversaj etaĝoj la vortoj *salono*, *kursejo*, *restoracio*, eĉ *varma* kaj *malvarma akvo* brilas en koridoroj. Sur la muroj de la dormo-ĉambroj pendas la tarifoj kaj hotelaj klarigoj en Esperanto.

Gaje sonas la lingvo Zamenhofa en la vestiblo, sur la ŝtuparoj kaj eĉ sur la tegmento kun moderna sunbanejo. Internacia kolegaro kunvenis tie dum Paska semajno por diskuti lingvajn demandojn rilatajn al unueco kaj instruado. Poste lernantoj alvenis por universitataj prelegoj en nia lingvo.

Regis atmosfero studema kaj amika. La diversnaciaj partoprenantoj kunvivis en familia rondo kaj sentis la bonegan efikon de tiaj renkontoj ebligantaj seriozan kaj trankvilan esploradon de komunaj problemoj.

Ni deziras, ke la Esperanto-Domo en Arnhem akceptu multajn similajn kunvenojn utilajn por la unueco de nia lingvo kaj la kuraĝigo de niaj pioniroj. Ĉiu esperantisto en la mondo volos iam vidi tiun aŭtentikan realigon de revo kara.

Ankaŭ aliaj konferencoj — eĉ ne esperantistaj — povos kunveni tie kaj vidi Esperanton en ĝia rolo de normala internacia lingvo aplikata praktike.

Ni scias kiom energie kaj pacience devis labori Sinjorino Isbrücker kaj Andreo Ĉe por fine starigi tiun grandiozan fondaĵon. Ankaŭ ni scias kiom malavare helpis la nederlandaj samideanoj por instali kaj subteni la tutan aferon. Ili per tio faris al nia tutmonda movado belegan donacon, kiu meritas nian varman dankon.

Dank' al tiu abelejo, la nova internacia anaro kreita de la Ĉe-kursoj en pluraj landoj de nun havas konstantan centron el kiu disradias unueciga sperto kaj viviga entuziasmo.

Urĝa tasko estos nun ligi tiun novan anaron al la jam ekzistanta organizo por uzado de nia lingvo. Nia movado bazas sur la lingva fundamento kaj la servaro de UEA. En unu mano la deksesregula ŝlosilo, en la dua la Jarlibro kun adresaro de delegitoj.

En ĉiuj urboj de la mondo ili daŭre kaj sindone laboras. Oni sin turnas al ili por vojaĝi, por trovi pensionon al gefiloj, por informiĝi pri kondiĉoj de vivo aŭ ciferoj de statistiko. Per ili la lingvo tuj utilas.

Dume la ekonomia krizo malhelpas senlaborulojn pagi sian kotizon. Ankaŭ novaj leĝaj baroj eĉ malebligas forsendon de mono el pluraj landoj. Malgaje sidis en Ĝenevo la Komisiono de UEA por konsideri la gravecon de tiu minaco kaj la sekvojn de la valorfalo de sterlingaj funtoj kaj aliaj monoj.

Neniu nova ŝtupo en la progreso de nia lingvo estas mem solida, se la antaŭa ŝtupo ŝanceliĝas. Se UEA devus haltigi la multekostan organizon de delegitoj kaj ĉiujaran kompostadon de korektita adresaro, nia lingvo perdus sian potencon de uzado tuja kaj refariĝus nur teoria propono, atendanta eksterajn decidojn iamajn.

Ĉiu esperantisto tion ekvidus tuj se oni devus halti, eĉ por unu jaro. Tial la novaj, same kiel la malnovaj, respondu al alvoko de la Komisiono per aliĝo kiel subtenantoj dum malfacila periodo. Unu milo da bravaj subtenantoj povas denove savi la ŝipon ĝis transpaso, kiel okazis dum la milito. Ni ĉiuj oferas tutkore kaj esperplene, eĉ el nia neceso.

*Edmond Privat.*

# Okcidento kaj Oriento

## Impresoj el Hindujo

Alveninte al Bombay ni restadis unu semajnon tie kaj simile en Ahmadabad, Delhi, Benares, Calcutta, Madras, vizitante ankaŭ Jaipur, Agra, Madura en la ekstrema sudo kaj multajn urbetojn kaj vilaĝojn per aŭtomobilo for de la fervoja linio.

Leviĝante frumatene je kvara aŭ kvina, vojaĝante en triaklasaj vagonoj, interparolante ĉie kun homoj renkontataj, ni provis kiom eble plej multe kaj diverse lerni pri tiu granda popolo tricentkvindek miliona kaj pri tiu vasta lando, ampleksa kiom Eŭropo.

Ĉar Gandhi kaj liaj amikoj estis arestataj unu post alia kelkajn tagojn post alveno, necesis vojaĝi libere kaj propre sen akompano uzante nur sian juĝon kaj emon tute sendepende.

Interpretantoj aŭ gvidantoj facile troviĝas kaj oni povas eĉ vagi kie ajn laŭ nekonataj stratoj aŭ regionoj en plena sekureco. Virino sentas tion aparte kaj trovas en Hindujo respekton, nekutiman en eŭropaj urbegoj.

La popolo estas milda, bonvola, trankvila. Tio tuj frapas la vizitanton. Speco de ĝenerala homa frateco regas kaj la homoj tuj respondas per afableco al tiu, kiu ridetas aŭ salutas ilin. Neniu bezonus tie specialan enkondukon.

Kiam oni revenas el Hindujo Eŭropon, la homoj sur stratoj ŝajnas fermitaj kaj malfidemaj, ankaŭ tre malbele vestitaj. En Hindujo la koloro blanka regas. Vestoj konsistas el longaj ŝtofoj volvitaj ĉirkaŭ la korpo kun graciaj faldoj.

La viroj portas volonte blankan ŝalon sur ŝultroj kaj ofte la blankan Gandhi-ĉapon, la virinoj havas sian *sari* el pli diversaj koloroj. Viola kaj ruĝa brilas el la blanka tuto. Oranĝa sari montras aktivan Gandhi-aninon, okupatan en la bojkota movado.

Infanoj, eĉ geknaboj ĝis ok jaroj kuras tute nudaj. Laboristoj ofte nenion havas krom ŝnuro ĉirkaŭ la ventro kun peceto de ŝtofo inter la kruroj.

Arianoj samrasaj kun eŭropaj popoloj, la Hindoj aspektas efektive parencaj, en Nordo kun haŭto hela, en Sudo multe pli malhela. Vidu niajn eŭropajn ŝatantojn de sunbanado. Ankaŭ ne forgesu la distancojn. Du noktoj kaj tagoj de vojaĝo necesas inter ĉefaj urboj same kiel daŭras inter Madrid kaj Berlin aŭ Romo kaj Varsovio.

### *La urboj.*

En grandaj havenoj kiel Calcutta, Bombay, Madras, ekzistas kelkaj stratoj similantaj je Usono, eĉ pli ol Eŭropo. Tie laboras oficistoj en altaj domegoj de komercaj firmoj aŭ ŝipaj kompanioj. Tie vi povas okaze renkonti Eŭropanojn, ĉefe en Calcutta, sed en la resto de l'urboj vi tute ne vidas iujn. Ilia nombro estas tro malgranda, apenaŭ kelkaj centoj aŭ dekoj, dronantaj en la amasego nacia.

Eĉ en Bombay vi povas promeni dum pluraj tagoj ne renkontante eĉ unu Anglon sur aliaj stratoj ol Hornby Road, kie troviĝas Thomas Cook kaj bankoj.

Hindaj domoj estas malaltaj kun balkonoj, terasoj, arkajoj. La butikoj estas malfermataj sur alta trotuaro kaj entenas ne nur komercon, sed eĉ industrion individuan. Se okcidenta instruisto volus klarigi metiojn al siaj lernantoj, plej efike li tion farus, se li povus ilin promenigi tra hinda urbo kaj haltigi antaŭ ĉiu butiko.

Sidante sur falditaj kruroj unu tajloras, najbaro kudras ŝuojn, alia martelas banujon, sekvanta orumas rubandojn, k.t.p. Ofte tuta strato kunigas la specialistojn de unu fako. Tie la ŝtofoj. Tie la ŝuoj. Tie la pladoj kaj ujoj el flava bronzo. Ne gajnas multon tiuj metiistoj. Unu rupio ŝajnas ordinara profito unutaga, apenaŭ kvarono de usona dolaro. Iliaj helpantoj, apude sidantaj, gajnas duonon. En Bombay kaj Ahmadabad laboristoj en fabrikoj ricevas simile. En urbo kun pluraj centmiloj da loĝantoj ne ekzistas krom registaraj oficistoj, pli ol unu aŭ du mil homoj kun salajro de kvindek dolaroj monate, ebliganta minimumon de komforto. La naŭdeknaŭ procentoj estas malriĉaj, ofte mizeraj.

### *La vilaĝoj.*

En vilaĝoj estas eĉ pli mizere. Tie homoj tenas sian ventron per manoj pro malsato. La registaro dispruntis la teron al heredaj taks-kolektantoj. Tiuj *zamindar* devas doni ĉiujare postulitan sumon al la ŝtato kaj sin repagigi de la vilaĝanoj.

Tiuj pagas inter unu triono kaj duono de sia rikolto por havi la rajton labori sur tero. Kelkaj aĉetis kampojn kaj devas pagi pezan hipotekon. Aliaj ne havas eĉ ion kaj laboras por najbaro por apenaŭ dekono da dolaro tage.

Regas nekredebla mizero tie. Ĉiuj hindaj vilaĝoj aspektas simile : Dometoj kun muroj el koto seka, tegmentoj el ligitaj kanoj aŭ palmfolioj, plankoj el premita tero, ĝenerale miksaĵo el bova sterko, sablo kaj iom da kalko. Tiu cemento havigas tre glatan kaj daŭran plankon, eĉ sanigan kontraŭ mikroboj pro saloj amoniakaj.

Interne la dometoj estas tre puraj. Ĉiu virino uzas konstante balailon por la unika ĉambro kaj vi ne rajtas enveni kun ŝuoj. Tute prave. Neniuj mebloj. Nur kelkaj bronzaj ujoj, brile flavaj.

La granda minaco al la vilaĝo estas la alkoholbutiko, monopola organizaĵo de la ŝtato por vendi sukon el palmoj. Mankas plej ofte lernejo, kiu kostus, sed ne mankas tiu veneniga monsuĉejo, profita por la budĝeto, sed kontraŭa je ambaŭ religioj de la lando, Hinduismo kaj Islamo.

### *La nacia sento.*

Tiu popolo amema kaj tre sentema unuanime deziras liberecon por ŝanĝi la organizon. Pri tio ekzistas nek du opinioj, nek manko de opinio. Ĉie la homoj, intelektuloj, advokatoj, komercistoj, profesoroj, kuracistoj, butikistoj, laboristoj, vilaĝanoj, kamparanoj de ĉiuj klasoj kaj de ambaŭ religioj diras al vi la samon.

Ili plendas, ke ilian monon oni prenas por pagi fremdan armeon kaj altegajn salajrojn al fremdaj oficistoj, kiuj administras la landon en la intereso de fremda komerco, kaj ne por savi la popolon el mizero.

Tiel ili ĉiuj diras. La temo okupas ĉies pensojn kaj tiuj alvenas en interparolo. En humilaj vilaĝaj dometoj, en ĉia butiko, en ĉia oficejo, en ĉia salono pendas la portreto de Gandhi kaj de liaj amikoj, Nehru, patro kaj filo, Valhabai Patel, Sinjorino Naidu, k.t.p.

Promenu ie ajn kaj vi trovos ilin ĉie sur muroj. Ofte neniun alian poŝtkarton vi povas aĉeti ol tiuj portretoj. En bazaroj oni vendas la bildojn malgraŭ ĉiuj persekutoj : Gandhi en malliberejo, Gandhi kun pilgrima bastono, Gandhi kun la sanktula rondlumo ĉirkaŭ la kapo, Gandhi kun la ŝpinilo, Gandhi gvidanta la ŝipon per la direktila rado « Vero », k.t.p.

Pri la sentoj de la nacio ne povas esti dubo. La tiel nomita « Kongreso » ne estas partio, sed nur tia organizita aro da homoj pretaj iri malliberejon kaj ricevi baton aŭ kuglon. La resto de la nacio konsistas el tiuj, kiuj ne estas tiel bravaj kaj timas perdi sian postenon aŭ havaĵon, sed kiuj bondeziras al la « Kongreso » kaj helpas ĝin de malantaŭe.

« Se mi estus Hindo », diris al mi angla juĝisto, « mi nepre estus Kongresano ». Mahometanoj en granda nombro partoprenas la movadon kun ceteraj Hindoj. Unu triono de la ŝtataj malliberuloj reprezentas Islamon, kies proporcio en la lando estas unu kvinono.

Tiuj personoj (elektitaj de la registaro), kiuj sidis en Londono ĉe la Ronda Tablo, publike malkonsentis kaj ebligis la prokraston deziritan de necedemaj anglaj rondoj, sed la delegitoj elektitaj en Hindujo per popola baloto al Kongreso Nacia, konsentis inter diversaj religioj pri unu sama programo kaj nun kune sidas en samaj malliberejoj.

Cetere la religia toleremo kaj apudvivado de diversaj kredoj estas kvazaŭ specialaĵo de Hindoj. Niaj eŭropaj gazetoj insistas pri disputoj, sed la vojaĝanton surprizas male la unueco. Ĉu oni vidus en Eŭropo malsanulejojn, lernejojn aŭ librejojn kiel tiujn de Ramakriŝna, hindaj institucioj kun bildoj de Kristo, Budho, Mahometo kaj Moseo sur la vitraĵoj por esprimi fratecon al najbaraj kredoj ?

*La ribelado.*

Depost kiam Gandhi estis arestita, ĉiutage okazas iuj aŭ aliaj rifuzoj de obeo. Magazenoj fermiĝas por protesto. Amasoj kunvenas spite malpermesoj. Virinoj rekomendas bojkoton starante antaŭ butikoj aŭ alkoholvendejoj. Policanoj ĉie gardas kaj arestas milojn da personoj.

Antaŭ ĉiu malliberejo staras amasoj atendantaj la aŭtoĉarojn, kiuj alportas novajn kaptitojn. La policanoj uzas foje la pafilojn por disforigi la popolamasojn sur publikaj placoj. Pli ofte ili uzas la famajn *lathi*, tiujn dikajn bastonojn kun pezaj feroj sur ambaŭ randoj.

En Delhi kaj Calcutta ni vidis antaŭ niaj okuloj la uzon de tiuj armiloj. En homplena strato iu Kongresano subite eltiras nacian flagon kaj svingas ĝin alten. Amasa grupo kolektiĝas kaj krias « Saluton al Hindujo » aŭ « Vivu Mahatma Gandhi. »

Tiam polico alvenas per aŭtoĉaroj kaj batas la homojn sur la kapon. La Kongresanoj ne redonas batojn, sed krias ĉiam pli laŭte « Vivu Gandhi » ĝis ili falas vundite. Granda indigno disvastiĝas en amaso kaj duobla nombro da homoj rekomencas tute same kelkajn horojn poste aŭ sekvantan tagon.

Usona ĵurnalisto filmis unu tian scenon. Al kolego, kiu proponis alporti la filmon en Eŭropon, hinda Kongresano konsilis : « Ne faru, tio nur incitus malamon kontraŭ Angloj. Ne tion ni volas, sed ilin konvinki.»

Kiam Gandhi faris sian lastan paroladon en Bombay antaŭ amasego de du aŭ tricentmil homoj, senfina maro da blankaj ĉapoj, aŭskultantaj per laŭtparoliloj, unu frazo kaŭzis longan unikan aplaŭdadon. Tio estis alvoko al ĉiu viro, virino kaj infano, ke li estu preta al ĉiu ofero, sed restu fidela je la disciplino de neperforto kaj protektu la vivon de ĉiu Anglo kaj Anglino.

La izolaj revolveraj pafoj en Bengalio estas severe malaprobataj de la publika opinio tie. Eĉ anoj de la registaro konfesas, ke sen Gandhi kaj lia prediko, mortigado de oficialuloj povus fariĝi terura minaco.

Inter hindaj intelektuloj oni trovas iujn, tre malmultajn, kiuj dubas ĉu tiu senarma ribelmetodo sukcesos kaj citas historion por montri, ke ĉiu nacio devis batali per sanga milito por atingi liberecon. Tamen ili restas fidelaj al la Gandhi-disciplino pro respekto al li kaj al la Kongresaj decidoj.

Sed la granda plimulto de la homoj estas profunde konvinkitaj pri la praveco de tiu metodo. Parolu kun iu ajn en vagonaro, sur strato, en vilaĝo kaj vi aŭdos ĝenerale tiun rimarkon : « Nia celo ne estas suferigi la fremdulojn, sed ŝanĝi ilian koron, ke ili vidu niajn suferojn kaj lasu nin fine liberaj.»

Tia sinteno estas tro malofta en la mondo, por ke ni ne raportu ĝin fidele. Se niaj legantoj esprimos deziron pri tio per komunikaĵoj al nia redakcio, ni povos priskribi alian fojon la detalojn de moroj, pejzaĝoj, bestoj, kulturo kaj hindaj institucioj observitaj dum vojaĝo.

Edmond Privat.

## Ĉinaj proverboj

*Per multo da paroloj oni nepre eraras.*

*Prefere esti jado rompita ol tuta tegolo.*

*Se vi ne decidas, kiam decidi vi devas — ĉio ekiros malbone kontraŭ vi.*

*La universo estas kiel unu familio.*

*Facile estas eviti lancon nekaŝite ĵetitan, malfacile sin gardi kontraŭ sago sekrete pafita.*

*Ĉiu homo havas sian propran guston.*

*De antikveco sepdekjaruloj estas maloftaj.*

*En ĉiu afero la komenco estas malfacila.*

*Pli bone estas liberigi krimulon, ol kondamni senkulpulon.*

*Efike povas paroli kiu monon havas sed vortoj de monmankulo estas vanaj.*

*Per multo da paroloj oni vundas aliujn, per multo da manĝaĵoj oni vundas sin mem.*

*Se vi ne sekvas konsilon de maljunulo, vi tuj havos malfeliĉon.*

*Mil tagoj en la hejmo estas bonaj; eksterhejme la plej mallonga tempo pasas malfacile.*

Trad. Fontsuno Ĉaj.

# Tekniko

## Klavarskribo

*La deziro simpligi la manieron skribe fiksi muziksonojn kondukis jam al multaj solvoj pli malpli kontentigaj. La jena artikoleto informas pri nederlanda eltrovaĵo « Klavarskribo » mekanika procedo jam rikoltinta multajn aprobojn. Pri pluaj informoj oni sin turnu al : Klavarskribo, A. K., Rotterdam.*

Depost mallonga tempo ekzistas aparato (Klavarskribilo), kiu notas tute aŭtomate muzikon, ludotan per piano aŭ orgeno. Krom la ludataj notoj, la aparato ankaŭ indikas la precizan ludatan tempmezuron, tiel ke diversaj propreco j de la ludado de artisto, kaj neĝustaĵoj de lernantoj estas notataj ekzakte. La aparato posedas haltigilon por — se necese — senprokraste povi korekti kaj fari kompletigojn. Speciala aparato ebligas skribi la notojn kun ĉiu interspaco dezirata. Per unu manipulo oni faras la aparaton uzebla por legi laŭ sama aŭ alia nedefinita tempmezuro. Dum relative mallonga tempo (ĉ. 1 tago) ĉiu piano aŭ orgeno povas esti farata uzebla por esti akompanata de la aparato.




Per ordinara elektra fadeno kun kontaktigilo la aparato estas ligata al la elektra fluo. Per kelkaj manipuloj oni povas tute forigi la mekanismon tiel, ke oni neniel rimarkas, ke la klavaro estas uzebla por skribi aŭtomate.

La skribo de la aparato montriĝas esti muzikskribo treege simpla, logika kaj konsekvenca, alportante solvon de la malfacilaĵoj en la kutima muzikskribo.

Klavarskribo komprenigas sin mem. La skribmaniero estas kvazaŭ bildo de la frapmaniero (fig. 1). La liniero staras vertikale. Oni legu de supre malsupren. La linioj de la liniaro figuras la nigrajn klavojn. La skribaĵo kaj la klavaro do havas la samajn orientigo-punktojn.

Nigraj klavoj estas indikataj per nigraj notoj (punktegoj) sur la linioj.

Blankaj klavoj estas indikitaj per blankaj notoj (cirkletoj) inter aŭ flanke de la linioj.

Ĉiuj notoj estas provizitaj de horizontala linieto. Notoj sur la sama linieto estu samtempe frapataj. La notoj, kies linieto elstaras dekstren, estu ludataj per la dekstra mano ; tiujn, kies linieto elstaras maldekstren, oni ludu per la maldekstra mano.

La loko de la linietoj indikas la momenton de la frapo. La interspacoj inter ili do indikas la taktdividon.

La natura simpleco de la skribo ĝin faras legebla tiel facile, ke ĉiu povas ludi laŭ ĝi post ekzercado unuhora.

Klavarskribo ne havas diesojn, bemolojn, renaturigajn signojn, enkondukajn signojn, kaj kleojn. Tamen oni povas esprimi ĉiujn muzikteoriajn detalojn same kiel per la kutima skribo, ne kaŭzante konfuzon ĉe la ludanto. Eĉ ne sciante la nomojn aŭ la signifon de la notoj oni povas trovi la ĝustajn klavojn. Klavarskribo treege malgrandigas la atenton, postulatan por la legado (kaŭzo de la cedo de multe da entuziasmaj komencantoj) per la jena principo : « Unu signo por unu klavo, unu klavo por unu signo ». Klavarskribo ebligas meti la pezocentron sur la ĝustan lokon, nome en la ludadon kaj la internan valoron de la muzikaĵo, kaj ne en la deĉifradon de la skribaĵo, kiu estu rimedo sed neniam celo.

La simpligo de nia muzikskribo helpos efektivigi pli fundan kontakton inter la popolo kaj la muziko. De 100 personoj, kiuj komencis sekvi lecionojn, 90 eĉ 95 cedas en la komenco pro timo kaj manko de ĝuo. Tamen ili havas muziktalenton ordinaran. La kutima muzikskribo malhelpas ilin, akiri kuraĝigan rezultaton. Klavarskribo ŝanĝos tion ĉi.

Nova tempo, nova sono, sed tiaokaze ankaŭ nova muzikskribo.

Prilaboris

J. HARTOG, Baarn.

# Literaturo

## Subaĉeto.

*de Pierre MILLE*

Kiam temas pri politiko, diplomatio aŭ financoj, oni neniam pensas, ke la paco, trankvileco, sendanĝereco kaj bonstato de regno, ne estas prizorgataj de parlamento ne-sinreganta aŭ ministraro maldaŭra. Prefere, ili estas firmigataj de certa nombro da altgradaj ŝtatoficistoj, kiuj kombinas specialan, rapidan ĝustjuĝadon pri la landinteresoj kun diskreta, senlaca kaj konscienca agado, kun persistema laborenergio. Estas ĉefe ili, kiuj kreis la ŝtaton. Ili solaj estas ĝiaj fidelaj gardistoj. Dank'al Dio !..

Antaŭ nelonge mi interparolis kun Sro X. De dudeko da jaroj li estas unu el tiuj silentaj motoroj de nia politiko. Li estas, tiel dirante, la animo de grava ministerio. Jam liaj patro, avo kaj praavo estis servintaj al la ŝtato ĝis la lasta spiro. Sro X. distingiĝas per ekstrema deteniĝemo. Li neniam priparolas sian servadon — nek siajn servojn — krom la okazoj, kiam oni pritraktas kun li ion kio tuŝas liajn oficialajn funkciojn. Li estas diplomato en la vera senco de l'vorto, speciale en tiu de lerteco kaj komplimentemo.

Tiun tagon S-ro X. ĝuste komplimentis min. Mi estas verkisto, kaj li gratulis min pri mia « psikologio ». Tio devigis min je rideto, ĉar rilate psikologiajn konojn li certe superas min. Jam ofte mi estis havinta la pruvon, ke, krom grandega politika sperto, li posedas delikatan komprenemon pri la intimaj motivoj de l'homa agado. Mi diris al li tion. Unu ĝentilaĵo meritas ja alian. Li ekridetis siavice.

— Miaj psikologiaj konoj !.. — diris li. — Kredu al mi, la plej bonan instruon en psikologio mi ricevis de modesta burĝineto. Ŝi estis eĉ el la pli malalta popolklaso ol el la meza. Mi tiam estis dudek kvar aŭ pli vere dudek-kvinjara. Mi jam estis diplomita pri ŝtatscienco kaj estis preparanta laboraĵon por la doktora grado. Mallonge, mi estis preparanta min por la vivo, laŭ la diroj de mia patro. Tio cetere tute ne malhelpis al mia kutimestado de studento. Interalie, mi estis publikiganta versarojn en malgrandaj revuoj, Jes, altestimata Sinjoro, mi iam verkadis poeziaĵojn... Poste mi fariĝis helpisto de ministro, sed tiu ministraro estis baldaŭ faligita. Tio okazas ja al ĉiuj ministraroj. Estis tamen komenco de mia kariero. Mi ricevis oficon, tute negravan. Tiamaniere mi atingis la bonan vojon : mi estis administraciano. Mi servadis senfervore, simile al pastro malinda, kiel esprimite tiutempe en versaro de Ephraïm Mikhael. La ideoj pli malpli revoluciemaj de nia generacio faris el mi skeptikemulon koncerne la moralon administracian. Kaj ĉio, kion mi vidis en mia simpla ofico de ministra helpisto, ankoraŭ plifortigis mian skeptikemon.

— Iun tagon, — daŭrigis S-ro X., — mi ricevis viziton de l'malriĉa, modesta virino supre menciita. Ŝi estis vidvino de malgrava fervoja oficisto. Mi jam estis ie interparolinta kun ŝi antaŭe. Ŝi estis malesperigita pro sia filo. Dum longaj jaroj ŝi estis ŝparanta por doni al li la eblon por studi. Ŝi estis ĉion oferinta por li. Nun li ĝuste estis antaŭ la ekzameno kondukonta lin al kariero. Kaj, malfeliĉe, li ektroviĝis malhelpata per la aĝolimo. La diferenco estis nur de du monatoj : se li estus naskiĝinta la duan de Septembro anstataŭ Novembro, li povus prezentiĝi kiel kandidato. Li estis bone preparinta sin kaj sendube sukcesus la ekzamenon. Mi estis kortuŝita per tiu drameto, cetere, unu el multaj de l'sama speco. Sed regularo estas ja regularo. Rektmaniere oni neniam povas venki ĝin.. Nek potenco de princo nek dekreto de ministro kapablus ion ŝanĝi pri tio. Mi klarigis tion al la vidvino... — pro simpleco, ni nomu ŝin Sinjorino Lebrun.

— Oni devas do forlasi ĉiun esperon ? — ŝi demandis per trema voĉo.

— Ne tute, Sinjorino Lebrun, — mi respondis, — Revenu post du tagoj. Ĝis tiam mi eble trovos elturnigan rimedon.

Mi mem ne estis riĉa kaj mia salajro estis mizera. Mi turnis min al mia patrino :

— Panjo, ĉu vi ne povus ?... Mi bezonas kvincent frankojn. Por bona ago.

Ĉu ŝi kredis je la bona ago, ĉu ne ? Verŝajne ŝi opiniis, ke temas prefere pri ludŝuldoj aŭ amhistorieto. Mia patro certe estus malkonsentinta doni al mi la monon. Tial mi turnis min al la patrino. Ŝi nenion plu demandis kaj silente malfermis sian skribtablon...

Je la proksima vizito de Sinjorino Lebrun, mi enŝovis la kvincent frankojn en ŝian manon. Ne komprenante, ŝi min ekrigardis preskaŭ ofendite. Ŝi ne estis ja petinta min pri mono kaj almozon ne deziris.

— Mi petas vin akcepti, Sinjorino Lebrun. Permesu ankaŭ ke mi klarigu al vi. Pri kio esence temas ? Via filo ne povas prezentiĝi je la ekzameno ; lia estonto estas en danĝero...

— Ĝi estas ruinigota !

— Jes, ĉar vi naskis lin du monatojn tro malfrue.

— Ne estas ja mia kulpo.

— Certe ne. Sole kulpas la dekreto de la 6a de Aprilo 1876. La dekreto ne estas ĉirkaŭirebla.

— Ĉu vere ne ?

— Eble jes, tamen. Necesas nur, ke via filo estu veninta en la mondon du monatojn pli frue.

— Sed tio je ne eblas.

— Tre facile eblas, Sinjorino Lebrun. Tio dependas nur de malgrava oficisto de la registr-oficejo de via kvartalo. Estus ja indiferente al li, se, kopiante la naskiĝ-ateston, li erarus je du monatoj. Iru al li, en lian loĝejon, kaj klarigu, ke por vi ĉio dependas de tiu cirkonstanco, dum neniu suferus domaĝon pro ĝi. Kaj donu al li la monon, en koverto « por la malriĉuloj de l'kvartalo ». Li tiam povos uzi ĝin laŭplaĉe.

Post kelkaj tagoj la virino revenis en mian oficejon. Ŝi reportis al mi la kvincent frankojn.

— Ĉu li malakceptis la monon ? Estis do neeble ion efektivigi ? Sinjorino Lebrun radiis :

— Tamen... Jen estas kopio de l'naskiĝ-atesto kun la bona, — ĝuste dirante, kun la falsa, — dato. Sed la monon mi ne donis al li.

— Vi ne donis ?

— Ne. Mi tuj ĉion klarigis al li en la oficejo mem. Li skuigis la kapon tien ĉi kaj tien. « Bone, bone, — diris li, — ni baldaŭ havos ĝin ». Kaj poste mi donis al li kvin frankojn.

— Ĉu vi vidas ? Pro junaĝa nescio, mi ne estis komprenінta, ke, se la malriĉa vidvino estus proponinta al tiu malgrava oficisto kvincent frankojn, li eble estus malfidemiĝinta. Li estus ekpensinta : « Kial do ŝi volas subaĉeti min ? Kial ŝi donas al mi tiom da mono pro tiel malgranda peno ? Verŝajne ŝi kaŝas iun intereson nepermeseblan, kiun ŝi ne volas konfesi al mi ». Sed pro tio, ke ŝi diris al li la veron, la nuran veron, kaj pro la peno aldonis kvin frankojn, li senhezite plenumis ŝian peton. Tiamaniere tio estis nur serveto farebla inter honestuloj.

— Mi do ripetas al vi, — finis S-ro X. : — tio estis la plej bona instruo pri psikologio, kiun mi ricevis dum mia vivo. Kaj mi neniam forgesis ĝin. Tradukis : *C. R.*

# La mono de l'popolo.

*de Pantelejmon Romanov.*

*(Romanov estas nuntempa verkisto rusa)*

---

En industria entrepreno Soveta oni priparolis la katastrofan situacion de l'negocoj. Laŭ la budĝeto, atendebla estas 500.000 rubloj da pliaĵo, sed efektive rezultis deficito de sama sumo. « Diablo », diris la administraj konsilantoj, kiel tio okazis ? » Ĝis la lasta kopeko ĉio estis ĝuste kalkulita. Ĝi estis ja en ordo, sed en mala senco.

La okazintaĵo sekvis sian iron. La enketkomisiono alvenis. « De kie tia deficito ? Kiu povas tion scii ? Laŭŝajne kvazaŭ ĉio marŝis bone. De la troaĵo ni jam notis 200.000 rublojn da antaŭpago kaj subite... ĉu eble diabla ŝerco ! » Fine oni alvenis al la revizio. Rezultis el ĝi, ke en ĉiu deponejo servas unu ĉefadministranto, unu komizo, unu skribisto, maŝinskribistino kaj komisiisto. « Kiel satigi tiun aron de servistoj ? Oni estus devinta krom la 500.000 da rubloj aldoni ekstrapagon de la ŝtatkaso », pensis la membroj de la komisiono. — Ni petis pri tio, sed oni rifuzis — diris tiuj de la administracio, — oni sin turmentas, turmentas.

La personoj kiuj insistis pri la revizio, bone sciis, ke la antaŭa administrado utiligis grandparte la monon senprodukte. Ĉiu membro de l'administra konsilantaro enoficigis parencojn kaj konatulojn. Ĉie protektado. Sen rekomenda letero ne estis ricevebla iu ajn posteno. Sed tiu kiu havis en sia poŝo tian rekomendan paperon, por tiu la posteno estis havebla senprokraste.

Speciale indigniĝis du progresemaj laboristoj : la longa Ĥrusĉof kaj mallonga Taskin. « Vidu nur la aron de labortabloj » atentigis Ĥrusĉof la membrojn de la komisiono. Kvindek procentoj sidantaj ĉe ili dankas tion al la protekto : parte estas parencoj, parte konatuloj, parte tiuj, kiuj frapas al la pordo de influhavaj eminentuloj. Jen kiel oni plenumadis la alvokon al ŝparo, jen kiel oni malŝparegis la monon de l'popolo ! »

La oficistoj nerve marŝis ire — reire atendante ke oni ilin maldungu. « Kamaradoj, subtenu nin » diris la membroj de l'administra komisiono ; ni forigotaj — vi ankaŭ same ! » Kaj la oficistoj promesis al ili helpon, ĉar vivi ja volas ĉiu.

« Helpu nin, kamaradoj ! diris Ĥrusĉof kaj Taskin, « se ni sukcesos forigi tiun ĉi administrantaron, ni povos restarigi ordon en la entrepreno. Ni flankenmetos la deficiton kaj pordanke de via kunhelpo, neniu el vi estos maldungata, ĉar ankaŭ la entrepreno povos esti pligrandigota. » Kaj la oficistoj promesis helpon, ĉar ĉiu ja volas vivi.

La antaŭa administra konsilantaro estis anstataŭita per la nov-elektitaj Ĥrusĉof kaj Taskin. Proksiman tagon venis al ili la ĉefdirektoro kaj diris : « Kamaradoj, la antaŭaj satrapoj senmotive maldungis mian fratinon. La justeco postulas ŝian re-enoficigon.» — Kie ŝi estas ? Alkonduku ŝin ! diris Ĥrusĉof. Kiam la fratino de ĉefdirektoro alvenis, Ĥrusĉof enirigis ŝin en la oficejon kaj diris : « jen la viktimo de nepotismo de antaŭaj satrapoj, kiuj forigis indajn kamaradojn, ĉar ili ne havis protektadon. Mi proponas al kamaradino oficon kun pli alta salajro.» Ektondris ĝenerala aplaŭdo.

Baldaŭ retroviĝis la parencoj kaj amikoj de Ĥrusĉof. Multaj el ili trairis ĉiujn laboroficejojn eĉ antaŭ ol ili sin prezentis al la direkcio, kaj kun intereso ekzamenis la entreprenon, kvazaŭ trapasante hereditan domon. Sed kiam Ĥrusĉof kaj Taskin sciigis ilin ke nuntempe ne estas liberaj oficoj, ili ekkoleris kaj diris : « oni povas ĝuste diri, kia ĝentila parenco , kiel bone li prizorgas siajn proksimulojn ! Tiom longe kiom li nin bezonis, li alkroĉiĝadis al ni, sed nun li alte portas sian nazon kaj nenion volas fari por ni. Sed, kiamotive la fratino de l'ĉefdirektoro estis ree enoficigita ? La fremdajn homojn li povas enkonduki, kial ne la siajn ? » Tiam alvenis al Ĥrusĉof la parencoj de edzino. Komence li ilin forkomplimentis. Sed hejme li trovis malkontentajn vizaĝojn kaj familiajn scenojn. Nenio estis farebla : du el ili li devis enoficigi.

Post tiu okazintaĵo venis al Taskin tri parencoj kiuj riproĉe pruvis al li, ke Ĥrusĉof reenoficigis tutan bandon de siaj parencoj, kial li, Taskin, ne volas fari la samon ? Kio restis por fari, oni devis mordi en la acidan pomon kaj ankaŭ tiujn okupi.

Tiam alvenis aliaj kun rekomendaj leteroj de influhavaj eminentuloj. Oni forsendis ilin. Sed ili demandis malice, kial oni rifuzas al ili kaj samtempe oni akceptas la proprajn parencojn ? Do, ankaŭ ilin oni devige akceptis. Ĉar, se oni ilin forkomplimentos, nin mem oni maldungos. Kaj vivi ĉiu ja volas.

Tiam aperis la ĉefdirektoro kaj diris : « Kio nome mem devas okazi ? » — Kiel — tiel ? — « Efektive, ne plu estas sufiĉe da tabloj » — « Je ĉiuj diabloj ! Sidigu ilin po du ĉe ĉiu tablo.» — « Sed kiamaniere, ĉe kelkaj tabloj ili jam sidas po tri. Tia denseco ke apenaŭ oni povas spiri ! La homoj ja laboras dum ses horoj en la oficejo ! » — Ĉu eble estas, iun maldungi ? Estas ĉi tie tiom da parencoj de antaŭa administrantaro.» — « Tio ne estos agrabla. Ili ja estis sindonemaj al ni. Pli bone estus mendi novajn tablojn.» — Taskin furioza ekkriis : « Al ĉiuj diabloj. Nu, kia situacieto ? Ankoraŭ aldoni unu tablon ! Tio superas miajn fortojn ! Mi deklaras, ke estas neeble konsideri nian entreprenon kiel furaĝejon, ke la mono ne al ni apartenas, sed al la popolo — nenion ili volas aŭdi ! Ah, jes, ili aludas je tio, aŭ krei al mi malfacilaĵojn aŭ doni favoran noticon pri mi en la ĵurnalo. Kion fari ? » — « Jes, kion fari ! » diris Hrusĉof, « oni devas lin preni. Konvenan homon oni povas forsendi, sed de tia kanajlaĵo — vin gardu ! Oni ĝin notos ekster la listo por ne tro ŝarĝi la budĝeton. »

« Sed tiel ĝi kostos duoble pli kare ! » — « Se eĉ trioble pli kare ! Oni povas enmeti tion en alian rubrikon. Pripensu nur, kiel troŝarĝita jam estas la budĝeto. La meblistoj ĵus ricevis la liverkontrakton. Nenio estis farebla. Oni devis plilarĝigi la planon de ekspluatado. Sur papero ĉio marŝas bone, sed kio ankoraŭ poste okazos -mi ne scias.»

Kaj tuj ĝi komencis fermenti. Malkaŝe oni priparolis, ke la entrepreno estas prebendo, ke regas kondamninda nepotismo, ke tra malantaŭaj pordoj homoj kun rekomendaj leteroj enŝoviĝas. Unuvorte : Neeble estas esperi tien endungiĝi pere de laborborso. La oni-diro de forigitaj homoj, ke ili estas ofenditaj. Precipe montriĝis ekscititaj tri progresemaj laboristoj : Susĉev, Laskin kaj Ŝmid.

Kiam la meblistoj alportis la novajn tablojn en la oficejojn, la ĉikanuloj montris per fingroj sur ilin kaj grumblis : « Vidu, tiel oni malŝparas la monon de l'popolo. Kaj por kiu ! Ĉio nur por la favoratoj kaj parencoj. Mian fraton ili senceremonie formetis en freŝan aeron. Vidu nur la deponejon de varoj, kiom da parazitoj ĉirkaŭas ĝin : la ĉefo, lia helpanto, du librotenistoj, du maŝinskribistinoj, tri kalkulistoj, du komisiistoj ! Ni ankaŭ scias, ke estas eĉ kromŝtataj salajruloj. Subtenu nin, kamaradoj, ni forpelos tiun administran konsilantaron al diablo ! »

« Ke ni vin subtenu, kaj poste la duonon el ni vi forigos ! » — Ne kun vi ni luktas, sed kun la aferistoj de supre, kiuj malŝparas la monon de l'popolo. — Tio estas io alia.»

La afero daŭrigis. Aperis la revizikomisiono. Komencis la kontrolo. La situacio estis katastrofo. La provizora budĝeto evidentiĝis la troelspezon de 700.000 rubloj kaj ekaperis deficito de multaj miloj da rubloj...

« Eble la domo staras sur dezerta loko ? » « La kulpo kuŝas en tio, diris Susĉev, Laskin kaj Ŝmid, ke en ĝi estas mono de popolo. Kiu estras sian propran aferon, tiu ne havas tiom da superfluaj elspezoj kaj eĉ profitas de siaj salajruloj. Sed kiam temas pri mono de popolo — tio signifas : Aliĝu kun parencaro kaj amikaro. Anstataŭ profiton de miliono — deficito de 700.000 rubloj ! Kaj, ĉu tio povas esti alie — ili havigis al si aŭtomobilon, forveturas en libertempon, diablo scias kien, kaj tiamaniere ili agas. Nature : la mono de popolo ! Subtenu nin, kamaradoj, tiun peston ni forigu ! »

Post unu semajno la novelektitoj trovis oficon. La modesteco kaj kuraĝo de kamaradoj Susĉev, Laskin kaj Ŝmid estis ĉie rimarkitaj kaj unuanima estis la indigno pri la konfuzaj klarigoj de antaŭaj tiranoj pro la transpasita budĝeto. Sed, malsupre, ĉe la enirŝtuparo premiĝis la meblistoj, liberigis enirlokon kaj atendante rigardis supren, kie okazis la elektoj.

« Kion vi serĉas tie ? » demandis ilin la pordisto.

« Ni... Nenion... ni atendas.

*Trad.* N. Oumansky.

---

# La eksceso de l'surskribo

De Karl Kinndt.

Ekzistas strangaĵoj sur la mondo. Kiam mi eniras domon mi trovas ĉe la maldekstra muro de l'eniro super la facile videbla sonorilbutono, ŝildeton kun teksto « *Sonorigu tie-ĉi* ». Esplore mi ĉirkaŭrigardas, ĉu eble estus aliloke okazo, rimarkigi sin al la pordisto. Sed se ne estus tiu ĉi butono oni eble nur povus ĵeti ŝtonon tra la fenestro. Post kio la pordisto eble pli rapide malfermus la pordon ol ĉe nura sonorigado. Kiu tamen deziras eniri je konvena maniero, li nur « sonorigu tie-ĉi ». Strange, ke tamen oni trovas ĉie tiun ĉi ŝildeton.

Oni daŭrigas la vojon. Super la pordo de la malantaŭa domo troviĝas ĉizita : « Salve ». Tion la plimulto *ne* komprenas kaj povus esti, ke personoj nekonantaj latinan lingvon, konsideras tiun Salve kiel militeman minacon, simile al « *Atentu pri la hundo* ». Bone, ke neniu ĝin legas, kaj tiu kiu legas ne ĝin komprenas. Kial pro tio ĝi tamen troviĝas super la pordo ?

Suprenirante ŝtuparon, oni legas sur la leterkestoj la vorton « *Leteroj* » aŭ « *Leteroj kaj gazetoj* ». La sola fakto, ke multaj loĝejpordoj havas simplan fendon sen lada fermilo, kaj la laktportisto tamen ne venas al la ideo verŝi tie la matenlakton, pruvas ke la indiko ne necesas. Sed eĉ se la poŝtisto konsiderus ĝin serioza- ; kian teruran animkonflikton li havus—? Ĉu li ne rajtas enĵeti tie, kie estas notata « *Leteroj* » ankaŭ gazetojn ? Kaj kie estas « *Leteroj kaj gazetoj* » nenian poŝtkarton, nenian kalkulon pri la telefono ? Kiom malpli peza estus lia konscienco, se li trovus simplan fendon — kiu sen speciala indiko rajtigas enĵeti ĉion, kio eniras. Oni ne maltrankviligu senutile la animon al forte laborantaj homoj.

Simile ekzistas cindrujoj, kiuj montras la delikate pentritan avizon : « *Por la cindro* » aŭ petole : « *Ripozo por cigaroj* ». Kia turmento estas tiu ĉi lasta surskribo por delikatsenta cigaredfumanto, kiu krome dezirus formeti la estingiĝintan alumedon ! Virinoj kapablas meti en tian ujon disŝiritajn amleterojn, kiuj tiam — ardetante — disvastigas malbonan odoron, tute kontraŭan al ilia enhavo. En bona burĝa kuirejo ĉiu poto por konservi nutraĵojn havas sian surskribon. « *Faruno* », « *Grio* », « *Sukero* », « *Salo* », « *Avenflokoj* » « *Muskato* », « *Cinamo* », « *Pipro* », « *Kariofilo* », k.t.p. Sed mi petas vin, iru en tian kuirejon kaj rigardu ekzemple la poteton kun « *Kariofilo* ». Mi vetas kun vi, centon kontraŭ unu, ke vi trovas en ĝi neuzeblajn fiksnajletojn aŭ rimedon por konservigi nutraĵojn. Mi volus instali por mi loĝejon en kiu eĉ la plej eta objekto portu sian uzindikon « *Okaze de lumbezono turnu unufoje, ĉe pli granda bezono du aŭ tri foje* », tio devus troviĝi sur ĉiuj komutiloj elektraj. « *Sidu tie-ĉi* » super ĉiu seĝo, kaj super ĉiu anso « *Bonvolu puŝi malsupren* » kaj : « *Bonvolu ne forgesi diskon kaj pinglon* » en la interno de ĉiu gramofono. Ĉiu vinbotelo havu surskribon :« *Antaŭ uzo forigu la korkon* ». La kafujo portus tiam la florumitan surskribon : « *Verŝante metu maldekstran manon ĉe la tenilo* », kaj super la bankuvo admonus ŝildeto « *Neuzebla antaŭ plenigo per akvo* ». Super la lito devus esti skribita « *Okaze de dormemo, fermu la okulojn* ». La poteto kun gluo sur la skribtablo devus tiam indiki « *Bonvolu ne uzi por dentpasto* ».

Sed kian sencon havas ĉio tio, se la homoj ne sekvas la peton ? « *Bonvolu purigi viajn ŝuojn* », kaj se eĉ juĝeja ekzekuciisto vidante surskribon « *Eniru kun feliĉo* » ne terenfalas pro honto ? — Estas sperto de multaj, ke surskriboj nur havas sencon tie, kie ili estas absolute sensencaj. Kaj kie ili havas sencon, oni ne sekvas ilin. Skribu grandlitere super via biblioteko : *Pro malbonaj spertoj mi ne pruntas librojn al amikoj* » — ĉiu, kiu unuan fojon vizitas vin, diros kun aminda rideto : « *Sed ĉe mi vi certe faras escepton* ? ».

Trad. RISERAM.

---

# " Titanic "

Luksa ŝipego, en kiu troviĝis la plej riĉa komforto, belegaĵoj, ludiloj, ĉio, kion oni povis elpensi por luksa vivo de multmilionuloj, eĉ maneĝejo kaj palmĝardeno, tra kiu oni povis rajdi sur kameloj ; plue liftoj, marmoraj banujoj, manĝ-, fest-, koncert- kaj danc-ĉambregoj, elegantaj trink- kaj sukeraĵejoj, speciala loko por tenis-ludado, orientalaj bazaroj kaj francaj luks-restoracioj. La ŝipego estis majstroverko de homoj el ĉiuj fakoj, ĝi estis gigantulo el ŝtalo, ne timante ian danĝeron, ŝirmita kontraŭ la plej furioza uragano.

Je la 14-a de Aprilo 1912 sidis la feste ornamitaj pasaĝeroj ĉe la festeno.

La manĝaĵlisto estas konservita en la aktoj. Estis 19 regalaĵoj :

Antaŭregalaĵoj
Ostroj
Salm-pasteĉoj kun kukumsaŭco
Lumbaĵo «Mignon à la Lili»
Raguo el Lionaj kokidoj
Ŝafidaĵo
Anaso en pomsuko
Bova ren-rostaĵo
Kolomboj kun kreso
Asparago
Pasteĉoj el anser-hepato
Persik-gelato en likvoro
Pudingo
Ĉokolad-torto.
Almanĝaĵoj :
Legomoj
Kuiraĵo el rizo
Celerio
Medolo
Glaciiĝinta ĉampana punĉo.
Glaciaĵo

La lasta vorto, kiun legis tiuj satuloj el la kvin kontinentoj estis — Glaciaĵo —.

Post luksa manĝado ludis la ŝip-orkestro. Estis preskaŭ noktmezo kaj « Titanic » plugis la oceanon en direkto al Kabo Race.

Jen noktomezo. La orkestro finludis la koncerton kun la kanto « Nearer my God to Thee »... (Dio, pli apud vin). Dume kriis la viro sur la videjo en la tubon :

« *Glaci-monto tutproksime antaŭ ni* ! »

La sekvinta emociiga tragedio de la malvarma aprilnokto estas konata. 1490 homoj dronante mortis. Sep oktonojn de ĉiuj virinoj kaj infanoj oni povis savi. Inter la dronintoj estis 6 centmilionuloj. Unu el tiuj ofertis al iu maristo milionojn por akiri lokon en boato ĝisrande okupita. Li estis rifuzata kaj dronis silente. 420 homoj estis savitaj. La lasta parolo, kiun la ŝipestro vokis al la helpantoj, estis : « Estu britoj ! » Poste li subakviĝis kun sia amiko William Thomas Stead en la profundon.

(Maria Ŝot, München.)

# Tra la libraro

**Eterna Bukedo. — La stranga butiko. — Broŝuroj.**

Iuj ornamas sian loĝejon per floroj, el ŝtofo aŭ el vitro, artefaritaj ; tiuj eternaj bukedoj ja malofte aspektas, neniam odoras kiel naturaj floroj. Se Kalocsay titolis sian kolekton da poemtradukoj : *Eterna Bukedo*, vi tamen ne opiniu, ke li senkolorigis, senparfumigis la florojn de l'ĉiutempa, ĉiulingva poezio. Male, li klopodis, kaj tre ofte sukcesis, reversigante ilin por tutmonda legantaro, konservi la belon, la brilon, la bonodoron de l'originalaĵoj. Kaj tio ne estis facila tasko. Kiuj mem foje provis tian lertaĵon, tiuj pli konscie taksos la kapablon, la paciencon de l'tradukinto, tiuj pli admiros, pli ĝuos la esperantigitan poemaron.

La belaspekta volumo, dediĉita « *al la memoro de Antoni Grabowski* », estas tricent-kvindek-paĝa, prezentas 260 poemojn el 115 aŭtoroj, elektitaj ĉe 22 lingvoj. Preskaŭ kronologie, iom laŭlingve kaj laŭskole ordigitaj, ili kondukas nin de egipta faraono al grekaj, latinaj, orientaj klasikuloj, ĝis la ĉefaj aŭtoroj de l'lastaj jarcentoj, ĝis antaŭmilitaj verkistoj. Tre utilaj aldonoj estas la koncizaj biografioj pri ĉiuj aŭtoroj, la rimarkoj pri la principoj obeitaj pro la traduko de l'uzitaj neologismoj.

Kalocsay elektis sian bukedon laŭ propra plaĉo, kaj rifuzas al ĝi la nomon : Antologio. Tial neniu riproĉos, se iu lingvo, iu epoko, iu poeto estas malpli aŭ ne atentata. Por kelkaj antikvaj kaj certaj anglaj poemoj, li alprenis arbitran versformon ; ĝenerale li provis imiti la originalaĵojn plej precize, laŭsence, laŭritme, laŭrime. Tiuj postuloj ja ofte kontraŭas unu alian, kaj « fajnaĵo » estas, ne domaĝi unu kvaliton ofere al alia. Pri la rimo, la sukceso estas plena. Dank'al uzo de parencrimoj tre konvenaj por Esperanto, de kelkaj asonancoj, al severa forigo de adasismoj, la rimaro estas varia, agrabla, bonsona. Sed tiu perfekteco ankaŭ foje akceptigis ne tre naturan vortordon. Pri la ĝusteco de ideoj, en la du aŭ tri lingvoj, kie komparo estis al mi ebla, (ja ne ĉiuj majstras 22 lingvojn) kaj sciante, ke poezio celas pli impresojn ol perfektan instruon, mi konfesas, ke la rezulto estas mirinda ; vere tre malmulto el la originaloj ne reaperas en la esperantigo. La severaj reguloj de l'esperanta akcento ne permesas tian alĝustigon por la ritmo ; laŭ opinio de simpla leganto, la longaj versformoj, proksimaj al poezia prozo unuflanke, aliflanke la mallongaj versoj, estas la plej melodiaj, ŝajnas plej naturaj ; dume la deksilabaj aŭ dekdusilabaj, tiom oftaj en modernaj eŭropaj



D-ro Kalocsay

lingvoj, oni, malgraŭ ĉiu bonvolo, verŝajne ne povas esperantigi sen ia perdo de l'muzika efiko. Por la aleksandra verso, Kalocsay akceptas la kromsilaban, tio estas dekkvar-(dektri) silaban verson kun regula cezuro, kiu, laŭ li : « perfekte kontentigas la francajn orelojn ». Nu, se mi legas, el Victor Hugo :

*Post la batalo.*

*La patro, ĉi heroo kun rido tiel flata,*
*Sekvate de husaro, el ĉiuj pli ŝatata*
*De li pro l'granda bravo kaj pro l'statur' giganta.*
*Estis post la batalo, vespere trarajdanta*
*Sur kamp' kadavroplena, sur kiu nokt' ekkuŝis.*
*L'orelojn en la ombro malforta bru' ektuŝis.*

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

kaj poste memordiras malnovan tradukon de l'sama teksto, faritan de Boirac, se mi ne eraras :

*La patro, heroo je dolĉa rideto,*
*Sekvata de unu husar' plej amata*
*Pro granda braveco kaj kresko altega,*
*Trarajdis vespere la kampon batalan*
*Dum sur mortintaro ekfalis la nokto.*
*Jen ŝajnas aŭdiĝi bruet' en mallumo.*

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

mi spertas ke la unua estas pli varia, bone rimita, ke la dua estas tre unutona, tute senrima, sed ke tamen, ĉu pro jama alkutimiĝo, ĉi lasta pli plaĉas muzike al mia francigita orelo.

Ĉe mallongaj versoj, la kuniĝo de taŭga ritmo kun regula rimo estas pli sukcesa. Jen poemeto franclingva de Verlaine, unua traduko ĝia, kies aŭtoron mi ne plu retrovas, dua traduko de Grabowski kaj lasta de Kalocsay :

**Chanson d'automne**

*Les sanglots longs*
*Des violons*
*De l'automne*
*Blessent mon cœur*
*D'une langueur*
*Monotone.*

*Tout suffocant*
*Et blême quand*
*Sonne l'heure,*
*Je me souviens*
*Des jours anciens*
*Et je pleure.*

*Et je m'en vais*
*Au vent mauvais*
*Qui m'emporte*
*Deçà, delà*
*Pareil à la*
*Feuille morte.*

**Aŭtuna kanteto**

*La longa plorado*
*De la violonoj*
*De l'aŭtuno*
*Vundadas la koron*
*Al mi per langvoro*
*Unutona.*

*Sufoke premata*
*Kaj pala, tuj kiam*
*Batas horo,*
*Mi ree memoras*
*La tagojn iamajn*
*Kaj mi ploras;*

*Kaj mi foriradas*
*En venton malbonan*
*Kiu pelas*
*Ĉi tien kaj tien*
*Min kiel folion*
*Flave sekan.*

**Aŭtuna kanto**

*Dum ĝeme sona*
*La violona*
*Aŭtuna spir'*
*Premiĝas koro*
*De monotona*
*Sopir'.*

*Iĝante pala*
*Ĉe la metala*
*Horo-sonor'*
*de l'rememoro*
*Iras kun ploro*
*Mi for.*

*La vento blovas*
*Kaj for min ŝovas*
*Kaj estas mi*
*Kiel falinta*
*Kaj flaviĝinta*
*Foli'.*

**Aŭtuna kanto**

*La velksezon'*
*Per violon*
*Ĝemo sona*
*Vundas ĉe l'kor'*
*Min per langvor'*
*Monotona.*

*Sufoke nun*
*Kaj pale, dum*
*Tintoj horaj*
*Memoras mi*
*Kaj ploras pri*
*Tagoj foraj.*

*Mi vagas, jen*
*Zigzagas en*
*Vento forta*
*Kun svena fal'*
*Simile al*
*Branĉo morta.*

La lasta traduko, malgraŭ ne dubaj kvalitoj ĉe la du unuaj, perfekte respegulas la efekton de l'franca teksto.

La listo de la neologismoj estas riĉa : tro riĉa. Mi ja komprenas enkondukon de vorto por ideo ne liverata per la hodiaŭa radikaro aŭ bezonanta tro komplikan kunmetaĵon ; tiel « spano, vito, obsedi » kaj multaj aliaj estas akceptindaj ; sed aliaj estas tiel bone anstataŭeblaj, ke ili ne estas pravigeblaj : kial « empiro » por imperio, « tepida » por varmeta, « monotona » por unutona ; por la du lastaj la silabnombro estas sama ; kial « koliero », kiun oni devas prononci : koljero, por kolringo ? Cetere pri tiu licenco sensilabigi i en kiu, kia, kie, aŭ en aliaj vortoj, ĝi estas grava atenco al ĉefa regulo de nia lingvo. Klarigante proprajn nomojn en aparta aldono, Kalocsay diras : « Granda parto de la legantoj eble rigardos ĉi tiujn klarigojn superfluaj, sed la orientanoj eventuale sentos ilian neceson ». Sed ĉu tiom da novaj vortoj, da sinonimoj, ĝuste ne tre malfaciligas nian lingvon por tiuj orientanoj, kiel ĵus montris ironia sed tute trafa artikolo en februara numero de ĉi tiu gazeto, verkita de S-ro Liem Tjong Hie el Semarang ?

Sed nur fakulo en poezia arto povus taŭge kaj detale laŭdi aŭ kritiki la poemaron de Kalocsay. Se persone mi preferas liajn originalajn poeziojn en *Streĉita Kordo*, mi tute ne misŝatas la tradukojn de *Eterna Bukedo*; sendispute ĝi estas grava, rimarkinda, altnivela verko, pri kiu nia lingvo povas fieri, kiu estos fonto por multaj legantoj de utilaj komparoj, artaj ĝuoj, noblaj pensoj, benaj emocioj. Se mi disponus pli da loko, mi volonte kopius versarojn, verajn perlojn el tiu juvelaro, kiel pravigo por mia admiro. Sed ja pli bone ĉiu belamanto foliumu la libron, komplezu sin en la plezuro elekti kaj laŭtlegi, laŭ sia gusto, inklino, animstato, la preferatajn belaĵojn.

---

Ne al la muzo sama kultas S-ro Raymond Schwartz. Lia estas tiu de l'amuzo se ne de l'am-uzo, tiom epidemia estas lia vortluda sporto. *La Stranga Butiko* estas inda sekvo de l'*Verdkata Testamento*, tiom lerta, bonhumora, gaja kaj verva, ankaŭ foje sama malpruda. Ni akceptu la mondon tia, kia ĝi estas, spitu ĝin kaj ankaŭ la leganton :

« *Ke el polvo, re — en polvon*
« *Tiras nin la homnatur'*, —
« *Kial do, mi serĉus solvon*
« *De la cirkla kvadratur'* ? (Al mizantropoj.)



RAYMOND SCHWARTZ

Niajn verkistojn aŭ propagandistojn li senĝene mokas. En « Lamentado » li ironie troigas la neologismemon ĵus aluditan ĉe Kalocsay :

*Ho triste povra, dura sort'*
*De la moroz-obskura vort'* !
*Tenere aŭ lascive*
*Mi strebas volitive*

*Ascendi al sublima sfer,'*
*Eskapi el obscena strat'*,
*Tra virga spac' de l'stratosfer'*
*Fordrivi fluse kun beat'* !
(Lamentado).

Ĉu vi ŝatas neatenditajn komparojn, novmodajn insultojn:

*Mi ĵus konstatis, kara Jan*
*Ke reprosperas via san'*
*Samkiel kverko*;
*Sen febro nun kaj sen kolik'*
*Vi floras kiel florbrasik'*
*En grasa sterko.*
(Vi resaniĝis).

*Vivanta vaz de l'nostalgi'*,
*Kaj sklav' de l'etimologi'*
*Vi en kafejo mendas... kafon.*
*Vin hezitigas nur dilem'* :
« *Ĉu kremokaf* ? — *Ĉu kafokrem'* ? »
*Prefere mendu vinkarafon*
*Kremkaful'* !

Novaĵoj, fervojo, kino, radio lin inspiras :

*Pli insiste ol gekatoj*
*Dum printempa nokto logas,*
*La radioaparatoj*
*De l'najbaro monologas...*
(Radio... Adiaŭ).

*Tagmanĝa hor' — stomaka*
*(hor'...*
*La manĝavida procesi'*
*Pilgrimas tra la koridor'*
*Al la vagonrestoraci'*.
(Vagonrestoracio).

Sed ja la tutan libron mi baldaŭ kopios ; ni haltu, pruvante ankoraŭ la lertecon de l'vortludado per lasta citaĵo, sed de tuta poezio :

*La diversaj aĝoj de l'homo.*

*En supra ĉambro, lulo... lulo..*
*Anĝele dormas la etulo:*
*Etaĝo.*

*Sed baldaŭ li el dorm' sin*
*ŝiras*
*Kaj pri la bela mondo miras:*
*Miraĝo.*

*Jam ne plu side li tamburas,*
*Sed tra la dom'esplore kuras*
*Kuraĝo.*

*Kun vundoj (kaj sen ru-*
*(bandoj*
*Revenas el stratbubaj bandoj:*
*Bandaĝo.*

*Kaj baldaŭ sekvas li kun ĝojo*
*Knabinon ĉie sur la vojo:*
*Vojaĝo.*

*Al ŝi li donas sian nomon:*
*Por fondi kune novan domon:*
*Domaĝo.*

*Li tiam estas tre utila*
*Fortika viro, kvankam vila:*
*Vilaĝo.*

*Kaj post rapida tempopaso*
*Postrestas nur senviva maso:*
*Masaĝo.*

*P. S.*
*Ni ne apliku al virino*
*Ĉi tiun viv- kaj rimo saĝon,*
*Ĉar de l'komenco ĝis la fino*
*Ŝi ĉiam havas saman aĝon:*
*Avantaĝo.*




Gajemuloj, optimistoj, profitu: ofertas al vi « servemeverseme » siajn spritajn bombonojn (tute ne bomb-onoj), kiuj eksplodigos vian laŭtan ridon, nia ĉefhumoristo Schwartz.

---

*Publika letero pri la reorganizado:* Memorando al la Esperantistaro kaj al ĝiaj gvidantoj de Julio Baghy, jen nutraĵo por ĉiuj, kiuj cerbumas pri la akcelo, konsisto, estonteco de Esperanto. Foje la konsiloj restas ĝeneralaj, bonintencaj, sed ne tuj aplikeblaj, kaj mi opinias ke iom iluzias la aŭtoro, pri ebleco de radikala reorganizo. Pli utiligi nian lingvon por internaciaj interesoj, por defendo de malgrandaj nacioj, por malarmado ĉe la animoj, por tuthomara solidareco, tion ni ja ĉiuj aprobas; sed demokratigi nian movadon per aranĝo de voĉdonaj decidaj kongresoj kunigantaj elektitojn, financigi nian agadon per pagotaj balotlegitimiloj, ekzamenaj diplomoj, oferdonoj, tio rekontos en praktiko multajn barojn, inertecon unue, kiujn oni ne tiel facile forigos, kiel pensas la verkinto. Tamen multon el liaj konsiderajoj oni devus pripensi, pridiskuti, kaj se la tuta projekto ne estas senŝanĝe efektivigebla, io bona povas certe rezulti el la faritaj proponoj.

Sub titolo: *Zamenhof*, aperas du paroladoj de Julius Glück, pri la kreinto de l'helplingvo, unu esperant-, unu germanlingva, kun bela formo, trafaj pensoj kaj komparoj.

Kredeble kiel provfolio estas presita la unua deksesapaga kajero de *Universala Terminologio de la Arkitekturo.* (Arkeologio, Arto, Konstruo kaj Metio) de F. Azorin. Ĝi estos fakvortaro kun 2.000 desegnoj, (desegnaĵo ankaŭ estas internacia lingvo), kiu por ĉiu radiko donas klaran instruan bildon, kaj plie devenon, tradukojn en pluraj lingvoj, kunmetaĵojn kaj sencklarigon esperantan. Ĝin oni uzos kiel vortaron nacilingvan, se aboce ordigata indekso ĝin akompanas, aŭ kiel plurlingvan fakvortaron, aŭ kiel esperantan fakenciklopedion. Povu la eldonaĵo sukcesi, ĉar ĝi estas tre inteligente prilaborita, kaj oni en ĝi ne akceptu tro, tro da novaj vortoj.

La *Preĝareto* de Prof. Carolfi, poŝlibreto, dua eldono, enhavas katolikajn preĝojn ĝeneraltemajn, por la meso kaj por diversaj okazoj, en korekta stilo.

En *Pretendoj de kondiĉa senmorteco,* religia traktaĵo, kun bibliaj citoj, oni malpravigas la kredon al eternaj postmortaj infersuferadoj, argumentas kontraŭ spiritismon kaj kristansciencon, asertas ke senmortecon nur akiros animoj de veraj kredantoj, dum la aliaj plene detruiĝos. Ne tre korekta lingvo.

*Nova kaj malnova uzinmajstro,* sovetia propagandilo, pentras du bildojn : la malnova estro, aroga ekspluatisto, uzanta monpunojn, subaĉeton ; kaj la novtempa mastro, antaŭa laboristo, kiu pliigas la salajron, la produktadon, samtempe akcelante la komunistan partion. La lingvo estas bona.

*Der Weg zur Europa-Partei* von Josef Zauner, eldonaĵo germanlingva de U.Ŝ.E. (Unuiĝintaj Ŝtatoj de Eŭropo) estas politika, ekonomia, polemika studo pri la Eŭropa problemo, kiu proponas lasi al Ŝtatoj, Provincoj kaj Urboj plej grandan memregecon, tamen internaciigante la monon, la armeon, la doganon kaj la eksteran politikon por la tuta Eŭropo, tiucele uzante rimede la Eŭropan lingvon, t.e. Esperanto. Tiu movado diverĝas de la Paneŭropa, kiu celas nur ekonomian akordon.

*Esperanto in the field of Engineering,* by T. J. Gueritte, enhavas paroladon faritan antaŭ la angla Societo de Inĝenieroj, montrantan la profitojn de Esperanto por scienculoj, la jam akiritajn sukcesojn sur tiu kampo ; poste sekvas samtemaj dokumentoj kaj protokolo pri la diskuto okazinta post la parolado.

*L'Esperanto et la stylistique,* de G. Waringhien, L.K.-ano, estas la teksto de komuniko al Kongreso de Franca Esperantista Universitata Federacio. La aŭtoro per trafaj ekzemploj pruvas kiom preciza, nuancigita povas ankaŭ esti nia lingvo, kiu eĉ foje superas naciajn lingvojn per allaseblaj vortformadoj, frazkonstruoj. Franclingvaj propagandistoj utiligu la valoran liveratan argumentadon.

15. Marto 1932. G. S.

# Tra sovaĝa Kamĉatko

Per nuraj esperantaj verkoj, jam eblas detale, utile kaj agrable informiĝi pri la arktaj regionoj. Mi tiel aludas la neforgeseblan : « Per Balono al Poluso » kun la raportoj de l'ekspedicio Andrée, la interesan : « Tridek jarojn en la Ora nordo » kun la strangaj aventuroj de Jan Welzl, kaj fine la novan libron de Eldona Societo Esperanto en Stockholm : *Tra sovaĝa Kamĉatko,* de Sten Bergman, traduko el sveda lingvo de Birger Gerdman.

Tiu nova volumo konkursas kun la du cititaj laŭ valoro kaj intereso ; de longe mi ne havis la plezuron legi esperantan presaĵon kun tiom da atento, tiom da plezuro, tiom da instruiĝo. Ne sen motivo ĝi jam estis tradukita en 11 lingvojn. Ĝi estas samtempe vigla raporto pri malfortaj vivintaĵoj, kaj instrua priskribo pri fora, preskaŭ nekonata regiono, laŭ geografia, zoologia, antropologia vidpunktoj.

Scienca ekspedicio el ses svedoj do laboris en Kamĉatko dum jaroj 1920-22 por tie studi la landon, ĝiajn loĝantojn, homojn kaj bestojn, por kolekti objektojn naturhistoriajn kaj etnografiajn, kiuj riĉigis poste svedan muzeon. La libro ne raportas pri la tuta laboro, sed limigas sin al rakonto pri du dumvintraj veturoj faritaj, la unua de la aŭtoro, lia edzino kaj tria samlandano, la dua nur de la geedzoj tra la tuta duoninsulo. Kvazaŭ ili estus tute ordinaraj, la aŭtoro nur pretere citas la suferojn de l'vojaĝantoj, ilian persistan kuraĝon kontraŭ malvarmego, eĉ malsato, la terurajn noktojn sub malpeza tendo dum akrega frosto, la penadojn por antaŭeniri post abundaj neĝfaloj aŭ sur altaj montpasejoj. La malfacilaĵoj jam komencis antaŭ la alveno, ĉar pereis sur submara roko la ŝipo ilin portantaj, kaj riskinte sian vivon ili perdis multon el la, por ili tiel necesaj, kestoj kun instrumentoj kaj provizoj. Kaj la unua veturo per hundsledo kaj skioj, kiun ĉiu demandito malkonsilis kiel kuradon al certa morto, estis entreprenita malgraŭvole, sen taŭgaj rimedoj, nur ĉar, rompinte sian promeson, ŝipkapitano kiu estis transportinta la tri svedojn al nordo, ne revenis por rekonduki ilin al Petropavlovsk.




La priskriboj pri tiu urbo, pri ĝia diversdevena loĝantaro, pri ĝia vivo, pri la sovaĝaj gentoj, ĉu la kamĉatkanoj de l'ebenaĵoj, ĉu la, malpli difektitaj de civilizacio, triboj vivantaj sur montaroj, la « lamutoj » kaj la « korjakoj », kun iliaj tre originalaj moroj, neĉerpebla ĵaluza gastameco, terura malpureco, pri la viglaj fortikaj tirhundoj, pri la fiŝkaptado de salmoj, ĉefa tiea nutraĵo por homoj kaj bestoj, pri la ĉasado al zibelinoj kaj la komerco de feloj, plej valora ŝanĝvaro, pri la multnombraj boacaj gregoj, riĉeco de l'montanaroj, pri varmaj fontoj, sola uzata kuracilo, ĉio konsistas el trafaj rimarkoj, kaj estas verkata per ĉiama bonhumoro, eĉ ofte subtila spriteco. Tie, tempo nenion valoras, kaj neniam io urĝas. ; se vilaĝano mendas ion al pasanta vendisto, li pacience atendas unu jaron por ĝin ricevi, aŭ du jarojn, se estis ia miskompreno ; foje, en la feĉo de malavare prezentata teo — oni trinkas multege ĝin — troviĝas kunsekigitaj cimoj aŭ blatoj ; nekomprenas enlanduloj, ke oni povas misuzi alkoholon ĝis konservi en ĝi bestkadavrojn, kiam oni povus trinkĝui ĝin ; cetere la du ĉefaj donacoj de blankuloj al la mortantaj degenerintaj gentoj de l'okcidenta marbordo, estas ja sifiliso kaj alkoholo ; ĉu vi scias ke korjakoj kraĉas kun mirinda celprecizeco en siaj jurtoj, kaj ke ili ŝatas kiel bongustan bombonon la larvojn de tabanoj troveblajn sub la felo de ĵus buĉita boaco ? Kaj tiuj strangaj pastroj, ebriemaj, iliaj diservoj dum kiuj nek ili, nek la aŭdantaro eĉ vorton komprenas el teksto legita kun virtuoza rapideco ? Vere la libro vin mergas en medion ne imagitan, preskaŭ ne imageblan, sed kies verecon oni ne dubas, tiom la raporto evidente fidigas pri senartifika sincereco.

La libron akompanas 2 geografiaj kartoj, kaj ornamas pli ol 90 bildoj, ĉiuj tre tipaj, bone elektitaj el fotoj de la aŭtoro mem aŭ de liaj kunuloj. Pri la stilo de l'traduko, ĝi estas taŭga, komprenebla, bona ; oni povus riproĉi iajn frazojn iom komplikajn pro tro da infinitivoj, aŭ kelkajn pseŭdosciencajn vortojn en lokoj kie simplaj esprimoj tute sufiĉus. Sed ja ne belestrikaĵo estas la verko, sed populara priskribo pri lando, homoj, travivaĵoj tute fremdaj al ni ; tial nia streĉa atento iras nature al la faktoj mem, kaj ne postulas stilbelaĵojn. *Tra sovaĝa Kamĉatko* estas belega libro, instrua, valora verko. La aŭtoro deziras « ke pere de la mondlingvo Esperanto ĝi nun atingos multajn novajn legantojn en la diversaj partoj de la mondo » ; la libro tiun sukceson nepre meritas, kaj ĝin certigi estas samtempe la devo de nia samideanaro al la eldonantoj, kaj persona spirita profito por ĉiu leganto. G. S.

# Universala Esperanto-Asocio

## Raporto pri 1931 : Dua parto : La Servoj de UEA. (Daŭrigo kaj fino)

**Tria parto : Komitato, Ĉefdelegitoj, Delegitoj, Membraro.**

*La Servoj de Respondkuponoj*

Tiu ĉi servo, starigita antaŭ kvin jaroj celis simpligi la pagon de malgrandaj sumoj, speciale de afranko por respondo al servopeto. La ses jaroj da sperto (fino de la dua serio estas la 31a de Decembro 1932) pri tiu ĉi servo permesas realigi ŝatindajn plibonigojn. Unue ni studas pli praktikan manieron por akiri la respondkuponojn. La rekta mendo ĉe la Centra Oficejo plikarigas la akiron, kaj ĉefe ne plenumiĝas tuj, okaze de bezono. La propono de kelkaj samideanoj (inter ili S-ro Harry Nilsson en Malmö) deponi kvanton da respondkuponoj ĉe la Delegitoj estas studinda, kvankam la realigo renkontas certajn malhelpaĵojn, ne facile forigeblajn. Ankaŭ la perado tra Teritoria Oficejo ne funkciis tiel kiel dezirinde.

Alia propono atentinda estas, ne plu eldoni kuponojn sed nur poŝtkartojn, kies duono estus detranĉebla respondkupono. Ĝi havu nur la valoron de respondkarto plus kosto, do 0.20 Frk. + 0.05, sume 0.25 Frk. vendprezo. La sperto montris, ke la kuponoj por 0.50 kaj 1 Franko estis malpli multe menditaj. Sekve rekomendiĝas eldoni eble nur unu valoron. (Propono S-ro Ŝapiro, Bialystok).

Ĝis nun la respondkupono servis kiel pagilo inter-esperantista ĉefe por afranko kaj por pago de malgrandaj mendoj. La falo de preskaŭ ĉiuj monkurzoj kaj la necerteco de ilia evoluo devus kreskigi la akiron de pagilo kies valoro restas stabila. Konata fakto estas, ke sendo de malgranda sumo al eksterlando kostas proporcie pli multe, ol tiu de grava sumo. Samideanoj kiuj havas regulan korespondadon kun aliaj landoj posedas en la respondkupono de UEA praktikan pagilon ne multekostan kaj kun konstanta valoro.

*Hotela Servo*

La ideo de la Hotela Servo estas, indiki al vojaĝanta samideano hotelon rekomendindan kaj en kiu se eble, estus persono parolanta la lingvon. Jam ekzistas aro da tiaj hoteloj kies posedanto estas esperantisto aŭ kie estas servistoj sciantaj Esperanton. La adresojn de tiuj hoteloj ni publikigis ĝis nun senpage en la Adresaron kun la atendo, ke la hotelo aliĝas kiel entrepreno al UEA, kio fakte okazis en kelkaj lokoj. La devo de niaj Delegitoj estas nepre konduki alvenantajn gastojn al la rekomendita hotelo kaj atentigi je nia rekomendo. Kiel ni konstatis, okazas ke rekomendita hotelo estas samtempe kunvenejo de la loka grupo, kio nur helpas al la vojaĝanta samideano.

Por dokumenti al hotelisto la frekventadon de lia hotelo per Membro de Universala Esperanto-Asocio ni eldonis karteton kun kelklingva teksto :

**Esperanto.**
La subskribinto, membro de Universala Esperanto-Asocio, Genève, estis kontenta pri via hotelo kaj rekomendos ĝin al siaj amikoj.

(Subskribo) ..............................

**English.**
The undersigned, member of the Universal Esperanto-Association, Geneva, was satisfied with your hotel and will recommend it to his friends.

**Français.**
Le soussigné, membre de l'Association Espérantiste Universelle, Genève, a été satisfait de votre hôtel et le recommandera à ses amis.

**Deutsch.**
Der Unterzeichnete, Mitglied des Esperanto-Welt-Bundes, Genf, war mit Ihrem Hotel zufrieden und wird es seinen Bekannten empfehlen.

**Italiano.**
Il sottoscritto, membro del Associazione Universale Esperanto a Ginevra é stato soddisfatto del vostro albergo e lo raccomanderà ai suoi amici.

**Česky.**
Podpesaný, člen Universala Esperanto-Asocio Zeneve, byl s Vasím hotelem spokojen a doporučí jej svym přátelum.

Ĉi-tiuj kartetoj, formato de vizitkarto, estas riceveblaj ĉe la Centra Oficejo senpage. Venonta eldono enhavos du aŭ tri pliajn lingvojn aŭ eble ni faros variajn specojn por Okcidenta, Orienta, Suda Eŭropo kun ties lingvoj kaj unu aŭ du ĉeflingvoj krom Esperanto. Ni plezure konstatas ke tiuj kartetoj trovis aprobon ĉe niaj vojaĝantaj samideanoj. La unua eldono rapide elĉerpiĝis. (Proponis ĝin nia Prezidanto Sinjoro Stettler).

Oni proponis al ni eldoni ŝildeton ĉu el lado ĉu el aluminio kun surskribo.

**Universala Esperanto-Asocio**

**Hotela Servo**




**Entrepreno aliĝinta al UEA**

El propaganda vidpunkto tia afiŝo aŭ ŝildeto ja utilus. La kostoj tamen estas tro altaj kaj ne proporciaj al la efiko. Plie ĉiu kiu rimarkis jam, kiom da ŝildetoj de Turing-Kluboj, vojaĝagentejoj, aŭtomobilkluboj k.t.p. ornamas hotelpordon komprenas facile, ke la lacigita okulo pasas kaj ne memoras plu viditan tekston. Inter la hoteloj kiuj daŭre pagas kotizon kiel entrepreno al la Asocio estas ekzemple Continental en Budapest. Tiu ĉi hotelo metis mem tre belan eĉ luksan marmorŝildon, kun rilata teksto je sia propra kosto.

Por la estonto ni intencas pli regule atentigi hotelistojn pri nia Servo. Por la adresoj kaj tekstoj de hoteloj ni studas la eblecon de aparta preso, eble en la libreto « *Servaro de UEA* » kies unua eldono aperas en 1932.

*Novaj Servoj*

En antaŭa raporto ni informis pri kelkaj novaj servoj efektivigindaj kaj — *eblaj* — dum normala tempo. Depost tiam la situacio ŝanĝis tiom funde, ke la montritaj planoj restas piaj deziroj. Nuntempe ja malhelpas ĉefe la financa situacio tutmonda, kiu igas ke ĉiu entreprenisto time tenas la monon ankoraŭ posedatan kaj elspezas nur la absolute

necesan. Plia malhelpo ankaŭ dum normala tempo estas, ke tro multe dependas de la iniciato de la Centra Oficejo en Ĝenevo. Mankas bonvolaj kunlaborantoj por regule prilabori en difinita amplekso iun servon, ekzemple la Turisman. Tiurilate ni povus plenumi ankoraŭ tre multe kaj se ne ĉiam kun 100 procenta sukceso, almenaŭ kun ŝatinda efiko propaganda por nia movado.

Inter la servoj provizore ne-efektivigataj estas la Propaganda, la Statistika, la Libertempejoj. Kun reveno de normala vivo ekonomia, UEA reprenas tiun ĉi agadon.

## *Komitato de UEA*

La ĉefa notindaĵo de l'jaro estas la *elekto* de la Komitato, kies oficperiodo finis en 1930. Diversaj internaj malhelpoj kaj ni diru ĝin malkaŝe, la nericevo de dokumentoj je ĝusta tempo, prokrastigis tiun ĉi elekton ĝis Printempo 1931. La elekto de Komitato kiu okazas ĉiun trian jaron trudas ampleksan laboron al la Centra Oficejo. La movo de tia peza organo, kia estas elektantaro postulas penon kaj grandan zorgon. Dum vintro 1930-31 kiam devis okazi la elekto ni ne povis tion komenci pro du ĉefaj kaŭzoj :

1. La jarkomenco, dum kiu la Delegitoj devas plenumi jam aron da laboroj, respondo al demandaro pri Jarlibro, enkasigo de la kotizoj.

2. La tro-okupiteco de la Centra Oficejo : Bilanco, alveno de la kotizoj por la nova jaro, dissendo de la premioj.

Alia kaŭzo ke ni iom prokrastis la elekton estas de psikologia karaktero. Se ni sendas al Delegito aron da dokumentoj kune, ni riskas ke li eĉ senintence malatentas unu el la plenumotaj devoj. Tion ni spertis nun sufiĉe ofte dum 20 jaroj pasintaj kaj ni preferas disigi plurajn aferojn. Tiuj klarigoj servu al certaj kritikantoj, opiniantaj ke ni pro kaprico prokrastis la elekton.

La oficperiodo de la nuna komitato estas de 1931 ĝis 1934 (Oktobro 1934). Ĝi konsistas el 25 anoj, el kiuj estas novaj, nome : Sinjoro Baudet, Kamaryt, Tolnai, Tullo kaj Wollmann. La lasta, Sinjoro Hofrat D-ro Wollmann, ŝtata ekzamen-komisaro por Esperanto en Vieno anstataŭas D-ron Sós, kiu mortis dum Junio 1931. La protokolo pri la elekto aperis en *Esperanto.* Ni ripetas la ciferojn !

2.454 Delegitoj voĉdonrajtaj. Dissenditaj voĉdoniloj : 2.715.

Respondis 1.261 voĉdonrajtaj. Sumo de la ricevitaj voĉdoniloj : 1.365.

Konstato : 1.365 voĉdoniloj. 93 senvaloraj. Neta : 1.272. Partopreno necesa por ke valoru la elekto : 1.228. Necesa plimulto atingota de kandidato : 629. — La meza nombro da voĉoj kiujn atingis kandidato estis 1.265, do kun granda plimulto.

Krom la elekto de l'Komitato la Delegitoj voĉdonis samtempe pri aldonoj al la statuto, rilatantaj al Art. 3 kaj 14, kiuj tekstas :

Artikolo 3, nuna formo :

« La oficiala lingvo de UEA estas la Zamenhofa lingvo Esperanto, tia kia ĝi estas difinita per sia fundamento, kaj per sia literatura kaj teknika verkaro.»

Al Art. 14 estas eldonata jena alineo :

« La Komitato estas rajtigata fari kun societoj aŭ korporacioj kontraktojn pri reciprokaj rabatoj, pri komuna kotizo, aŭ pri favorprezoj por la aliĝo de iliaj membroj al UEA. Rilate tiajn kontraktojn la Komitato ne estas ligita al la kategorioj da membroj laŭ art. 8 kaj la kotizoj ilin koncernantaj.»

Tiun ĉi aldonon la Delegitoj akceptis kun 1.252 voĉoj *jes* kaj 20 *ne*. Minimumo necesa : 629. Sekve akceptita kun granda plimulto.

Ankaŭ tie ĉi, ni volas danke memori la afablan helpon de lokaj membroj de UEA venintaj por esplori la voĉdonilojn : S-roj Borsa, Bouvier, Reisinger, kaj Schwendimann. La tre komplikan tabeligon de la 85 ŝanĝitaj voĉdoniloj kun 81 aliaj kandidatoj plenumis libervole en dutaga laboro Sinjoro Alfred Rehmann, tiel ke la tuta elekto de l'Komitato estas *modele* registrita.

La Komitato okupiĝis pri la kutimaj aferoj : Privoĉdono de la jara raporto (1930) kaj aliaj negocoj de ĝi plenumata. Krome la proponoj pri la jara budĝeto por 1931 kaj 1932. Respondis al la propono pri budĝeto 1932 : 21 komitatanoj, el kiuj 20 akceptis kaj unu ne. *(Esperanto,* Oficiala Informilo N-ro 15, paĝo 48, Februaro 1932).

Plie la Komitato ricevis por informiĝo du cirkuleroj de la Direktoro, du numerojn de la Teritoria Informilo kaj la protokolon pri la Komisiona Kunveno.

La tasko de Komitatano de UEA do ne estas simpla nom-apero en la listo. Kontraŭe la partopreno en niaj laboroj, la intima konatiĝo kun la mekanismo de nia Asocio, postulas atentan observon kaj persiston. Kelkaj el la Komitatanoj afable konsilas kaj kunhelpas ekster la kutima formala laboro, fiksita laŭ la statuto. Al ĉiuj ni volas tie-ĉi danki por la intereso montrita al detaloj de l' funkciado de la Asocio.

Post elekto, la nova komitato devis tuj sin kompletigi pro la morto de bedaŭrata D-ro Edmund Sós, la Aŭstria ano. D-ro Sós, fidela amiko de la Asocio, multe laborinta por ĝi speciale dum tre malfacilaj tempoj 1916-1919 kiel preskaŭ sola aktiva UEA aganto en sia lando, fariĝis Komitatano en 1927. Eksiĝis pro malbona sanstato Profesoro D-ro Dietterle, Leipzig per letero 3-12-31. Prof. Dietterle eniris la Komitaton en jaro 1925. Ni tre bedaŭras la eksiĝon de tiu ĉi komitatano, montrinta ĉiam viglan intereson al nia laborado.

## *La Komisiono de UEA*

konsistas nun el jenaj sinjoroj :

Prezidanto : S-ro Stettler. — Vicprezid. : S-ro Karsch. Anoj : S-roj Rockmann, Blaise, Hromada, D-ro Poncet.

Elektita per voĉdono de la Komitato dum Decembro 1931, kiu samtempe re-elektis la Direktoron kaj la Redaktoron por la ofica periodo 1932-34.

La plej grava laboro de la Komisiono konsistis en la partopreno al la kunveno dum Pasko 1931, de la 3-6a de Aprilo. En ses kunsidoj sub la prezido de S-ro Stettler oni prilaboris sisteme kaj metode ĉiujn gravajn aferojn de la Asocio. 25 paĝa protokolo atestas pri la laboroj plenumitaj.

El la antaŭa komisiono eksiĝis S-ro Génermont, post dekjara partopreno en niaj laboroj kaj... zorgoj. Sinjoro Génermont kiu aliĝis al UEA jam en 1910 kaj estis Delegito en Parizo, multe interesiĝis je la internaj aferoj de la Asocio, kion pruvas la ampleksa korespondado kun la Direktoro pri la funkciado, la financoj k.t.p. Liaj demandoj pri tiu aŭ alia ero en nia laboro pruvis, ke kvankam for de la centro de esperantista aktiveco kaj vivante en malgranda urbo (Moulins-sur-Allier) li bone konas la medion kaj la bezonon de Esperantista organizaĵo internacia. Ni tre bedaŭris

lian eksiĝon, kaŭzitan pro profesiaj devoj kaj danke memoras la agrablajn rilatojn kun li.

Laŭ la statuto la Komisiono ja havas abundan kvanton de laboro plenumata ĉiujare, ne forgesante ke krom UEA, ĉiuj havas ankoraŭ aliajn esperantistajn ŝarĝojn. Tre aktive kunlaboras nia vicprezidanto S-ro Karsch, prijuĝante multajn negocojn. Lia leteraro dum 1931 indikas 61 leterojn kun 93 paĝoj da densa teksto, plie dudeko da poŝtkartoj — nur al la Direktoro —. Tiu ĉi interŝanĝado funkcias kiel maŝino : Vendrede matene foriras dokumentoj kaj korespondaĵoj al li, kiujn li ricevas dimanĉe kaj ilin prilaboras tiel ke ni ricevos regule ĉiumarde lian respondon. Nia vicprezidanto kunlaboras kvazaŭ li estus tie-ĉi kaj ne 1111 da kilometroj malproksime. Malmultaj el niaj membroj konscias, kiom da korespondaĵoj necesis por tiu aŭ alia negoco, kiu finite aspektas modeste. Nur por sukcesi pri eldono de gvidfolio, pere de interesita urbo necesas longaj traktadoj ĝis fine efektiviĝas la intenco.

Sinjoro Rockmann, krom siaj devoj en la komitato kaj komisiono plenumas honorofice la administradon de la membraro en Germanujo kiel *peranto* jam de 1923 kio havigis ŝatindajn avantaĝojn por la germana membraro.

Kun Sinjoro Blaise, la Centra Oficejo havas viglajn rilatojn kiel atestas la volumena leterklasilo de tiu ĉi komisionano. La iam tre vigla kunlaboro de la ĉeĥoslovaka komisionano S-ro Hromada iom ekhaltis, parte ŝuldata al la koncentrigo de niaj aferoj en la Teritoria Oficejo en Hradec-Králové en la spertaj manoj de S-ro Sklenĉka.

Nia prezidanto loĝanta en Bern, malgraŭ siaj multaj okupoj bonvolas regule veni al Ĝenevo kaj ekzameni la aferojn tie-ĉi. Menciinde tie ĉi estas ke S-ro Stettler havas la « *agrablan* » devon prilabori la jurajn aferojn precipe la plendojn rezultiĝantaj el neplenumo de reguloj, servopetoj kaj ĝenerale ĉiujn aferojn kiuj postulas juran sperton. En multaj tiaj tiklaj problemoj nia prezidanto trovis la ĝustan manieron solvi ŝajne ne solveblan nodon. En organizaĵo kiel la nia, ne mankas malinterkonsentoj kaj necesas por tio klara kompreno pri la juraj flankoj kaj sekvoj.

## *La ĉefdelegitoj*

La ĉefdelegitoj de UEA portas la zorgon de la taga laboro, administras, kuraĝigas, admonas, por ke la maŝino ne ekhaltu. UEA kalkulas nun 22 teritoriojn laŭ organizo tre malsamaj, respondantaj al la kondiĉoj de tiuj landoj, aŭ al la stato de nia movado. La 22 teritorioj kiuj entenas 7.000 anojn, do 80% dividiĝas :

1. *Plene organizitaj teritorioj*, plenumantaj gravan parton de la administra laboro kaj sendantaj al la Centra Oficejo pretan materialon, taŭge kunigitan : Aŭstria, Belga, Brita, Ĉeĥoslovaka, Finnlanda, Nederlanda, Pola, Sveda, Usona (9).

2. *Ĉefurboj-metropoloj :* Berlino, Parizo. Nov-Jorko (3)

3. *Ne plene organizitaj*, plenumantaj nur parton de la administra laboro :

Brazila, Estona, Hungara, Japana, Latva, Novzelanda, Rumana, Saar, Saksa, Urugvaja (10).

plie du landoj kun perantoj : Germanujo kaj Bulgarujo, kie la kotizoj estas administrataj enlande laŭ difinita regularo, simila al tiu de Teritorio.

La laboro de la ĉefdelegitoj — honorofice — ja notinde malŝarĝas la Centran Oficejon. Anstataŭ disaj sendaĵoj de centoj da Delegitoj kaj membroj, venas de unu teritorio dek ĝis dekdu sendaĵoj akompanataj de preciza spezfolio, tiel ke la Kaso povas dum duonhoro enskribi, kio sen tiu ĉi antaŭlaboro, necesigus tagojn. Racia eluzo de niaj teknikaj aranĝoj ja notinde subtenas tiun laboron de la ĉefdelegitoj. Sed unu ĉefa laboro restas : La korespondado kaj la kontraŭbatalo de la homa nesufiĉeco, sin montranta en malordemo, neprecizeco kaj neglektado. Oni povus skribi libregon pri tio, sed ĝi ne helpus forigi tiujn fenomenojn. Por multaj samideanoj, la laboro pri Esperanto estas distrilo, tempopasigilo eĉ amuzo. Ke sub tiaj cirkonstancoj, organismo laboranta laŭmetode devas suferi, estas nenia miro.

Por interligi la ĉefdelegitojn, sekretariojn kaj perantojn, la Centra Oficejo komencis eldoni *Teritorian Informilon*, kiu aperas de tempo al tempo. Ankaŭ tie, la limigitaj rimedoj ne permesas labori kiel ni volus. Konstatinde estu tamen ke la Administrado forprenas 3/4 de la tempo disponebla. Rezultas do, ke por krea laboro, por novaj aranĝoj, por organizo de servoj, ne restas multe da tempo.

Al la ĉefdelegitoj de UEA, kolonoj de nia Asocio ni esprimas nian elkoran dankon. Nia arda deziro estas foje aranĝi kunvenon de la praktikistoj en Ĝenevo, kunveno afera, labora, sen apudeco de esperantista festo, nur ĝenanta. Malhelpas tion la manko de mono, kaj la neeblecon ankaŭ kunvenigi homojn el malsamaj landoj je difinita tago. Tamen de tempo al tempo, la Centra Oficejo invitas ĉefdelegiton por vidi surloke la labormanieron kaj kontaktiĝi persone kun la oficistoj. Dum 1931 ni havis la plezuron akcepti en Ĝenevo nian ĉefan ĉefdelegiton S-ron Sklenĉka kun edzino. Tia afera vizito nature helpas klarigi ĉion multe pli facile, ol kilometro-longa letero.

## *La Delegitoj de UEA*

La deziro ke en dumil lokoj estu Delegito de UEA, ja realiĝis — almenaŭ sur la papero —. La jarlibro 1931 jam indikas 2010 lokojn, efektive. Sed inter lasta korektado ĝis presado de tiu ĉi jarlibro okazas ŝanĝoj. La vivo daŭre fluas kaj stabileco estas tre relativa afero. Je la fino de la jaro 1931 (Administra jaro finas la 31an de Oktobro) estis 1879 lokoj. La lokoj forstrekitaj pro nepago de la jara kotizo estas 150, kiel ni informis en Of. Inf. 15, paĝo 48, Esperanto 1932. Tiu ĉi listo respondas al la stato dum Novembro 1931. Sed kiel ni jam klarigis, tio ŝanĝas tamen. Ĉiam revenas aro da Delegitoj, kiuj pro variaj kaŭzoj ne repagis je konvena tempo. Tamen ni devas ja fini la kalkulojn je fiksita dato kaj ne povas atendi monatojn. La jaro 1931 jam estis sub la plena premo de la krizo. De kelkaj landoj mono ne povis esti senditaj, mankis informoj, kio influis la forstrekon de iom pli da lokoj ol kutime. Valoras vidi la ciferojn de l'antaŭaj jaroj :

| Jaro : | Nombro de lokoj kun D je la jarfino | forstrekitaj pro nepago del' kotizo | Laŭprocenta kalkulo proksimuma : |
|---|---|---|---|
| 1928 | 1818 | 184 | 10% |
| 1929 | 1820 | 114 | 6% |
| 1930 | 1954 | 95 | 5% |
| 1931 | 2029 | 150 | 7% |

Ni aldonu, ke pro manko de tempo ni ne povis entrepreni sisteman varbadon de novaj Delegitoj, sed nur okupiĝi pri la temp-al-tempa varbo de persono en interesa loko, transmaraj landoj, kolonioj k.t.p. Dum la jaro 1932 ni

intencas rekomenci tiun sisteman varbadon, dume la ĉefdelegitoj ja daŭre zorgas pri tio sen speciala atentigo.

Tie ĉi ni parolu nun pri alia servo plenumata de la Delegito. Estas la Informpetoj, kiujn laŭstatute la membroj de UEA povas direkti al Delegito. Pri la efikeco de la servopetoj, informas de tempo al tempo la revuo *Esperanto*, per la dankesprimoj de kontentaj membroj. Antaŭe ni resumis la plenumitajn servojn per serioza statistiko, laborego ne plu plenumebla nuntempe pro manko de personaro kaj... mono. Statistiko serioza kaj respondanta la postulon de nepra precizeco kaj ekzakteco, ne estas farebla per la malmultaj rimedoj kiujn ni disponas. Ja temas pri demandado de 2.500 personoj rondcifere kaj el kiuj bona duono ne respondas je konvena tempo, sekve devas esti admonata. La plej valoraj servoj estas tiuj dum vojaĝo, la klopodado ricevi monon de prokrastema ŝuldanto, respondo al enketo, retrovo de parencoj. Kie ofte konsuloj ne sukcesis, la Delegito de UEA povis trovi la necesajn indikojn kaj informi petinton en kontentiga maniero. El germana gazeto ni citas la jenan servon, plenumitan de nia Delegito en Sao Paulo, (Brazilo), S-ro Hary Petersen :

Ĉu *Esperanto valoras praktike* ? — En la najbareco de la urbo Radebeul (Saksujo) iu familio estas peninta depost jaroj diversmaniere — pro reguligo de heredaĵo eltrovi la loĝejon de familiano elmigrinta al Brazilio en la jaro 1911-a. Dum la lastaj 7 jaroj tiu-ĉi familiano donis nenian vivsignon. Ĉia serĉado, eĉ per diversaj konsulejoj, estis sensukcesa. — Ano de la loka Esperanto-grupo, kiu hazarde aŭdis pri la zorgoj kaj ĉagreno de la familio pro ĝia perdito, proponis al la familio provi la serĉadon helpe de la Universala Esperanto Asocio (UEA), reprezentata en la tuta mondo. La ĉi-tiea honorofica reprezentanto de UEA la 3-an de Julio (1931) skribis leteron en Esperanto, kun la necesaj informoj pri la serĉoto al la delegito en Sao Paŭlo, Brazilo. Jam la 3-an de Novembro povis esti transdonata al la ĝojigita familio 2 sciigoj propramane skribitaj kun preciza adreso de la serĉita familiano kaj detaligaj informoj de la brazila delegito de UEA. Rakonto de ĉiuj detalaĵoj pri la senegoistaj faroj de la brazilano por eltrovo de la malaperintulo ne estas eble ĉi-tie, estu nur dirate, ke la tuta afero kaŭzis al la servopetinta familio elspezojn de entute nur 4,65 RM.

Plej impresiga estas servoj kiuj rilatas al enketo pri iu ajn temo. Modelan enketon laŭ formo,,, entreprenis foje nia Komisionano D-ro Louis Poncet por doktora tezo (Vakcinado en la armeoj). Tiel oni ja povas ricevi tre valorajn informojn, kiuj alimaniere tutsimple ne estus riceveblaj aŭ nur per altaj kostoj. Dum 1931 nia membro Sinjoro Kőkeny en Budapest entreprenis enketon por la Parlamenta Stenografia Oficejo pri kio li raportis al ni per sekvantaj linioj :

La enketan tekston la stenografoficejo dissendis meze de Okt. 1931 al ĉiuj landoj. La teksto estis sendita ankaŭ en tiujn landojn, kiuj ne havas parlamenton kaj el tiuj landoj la oficejo petis ĝeneralajn informojn pri la stenografio. La cirkuleron ricevis en la plej multaj ĉefurboj la Delegitoj de UEA. en kelkaj lokoj la korespondantoj de Kőkény, aŭ esperantistaj stenografoj, en ĉerfurboj, kie ni ne havis adreson de esperantisto, la cirkulero estis sendita al la adreso de parlamento aŭ ministerio. La limtempo por la eŭropaj ŝtatoj estis 20-a Dec. por neeŭropaj ŝtatoj 20-a de Jan.

Alvenis respondoj :

*Svisujo.* — Kiam la granda pakaĵo el Bern alvenis kaj la membroj de la oficejo rigardis ĉion, kelkaj preskaŭ konsterniĝis vidinte la multegan kaj belegan laboron, kiun faris K. M. Liniger. Del. de UEA. Laŭ niaj kalkuloj s-ro Liniger laboris dum 60-80 horoj. Li tradukis la tekstojn, maŝinskribis la tekstojn german- kaj esp.- lingvajn, bindis la dikan kajeron, ktp. Ankaŭ la ĉefo de la stenografoficejo laboris multe, aldonis tre multajn dokumentojn, nur stenogramon li ne sendis.

*Francujo.* — En Issy loĝas s-ano Flageul, meritplena pioniro de E kaj stenografio, do ne estis surprizo por mi lia modela laboro. La francaj stenografoficejoj (senato kaj deputitaro) sendis tre detalajn respondojn kun ĉiuj necesaj aldonoj. S-ano Flageul aperigis artikoletojn en multaj fakaj gazetoj pri la interesa enketo. El Nice ni ricevis tagan gazeton kun 10-15 linia artikoleto pri la enketo.

*Belgujo.* — Same modela respondo, pri kiu zorgis s-ano Haillez, parlamenta stenografo. Ankaŭ pri tiu ĉi respondo la oficejo estis tute kontenta.

*Norvegujo.* — Nia kunlaboranto estis s-ano Arne Arnessen, Del. de UEA. Bona, kvankam ne detala respondo kun dokumentoj, belaj fotoj pri la kunsidĉambro, stenografoj.

*Ligo de la Nacioj.* — Nia oficejo sendis apartan E lingvan leteron al la Laboroficejo kaj alian leteron al la Ligo. Unu letero venis esperantlingva, la dua letero kaj la respondo detala (sed sen dokumentoj) en franca lingvo.

*Brazilo.* — S-ano Dominguez. Ĉefdel. de UEA tradukis la cirkuleron sendis ĝin al la oficejo en Rio de Janeiro. La oficejo ne tradukigis la respondon, do ni ricevis portugalan respondon.

*Aŭstrujo.* — S-ano Otto Simon aranĝis la enketon, sed la ĉefo ne donis tre detalan respondon.

*Cehoslovakujo.* — S-ano Ginz. ĈDel. de UEA tradukis la tekston, poste unu hungarlingva stenografo de la parlamento en Praha sendis germanlingvan respondon, sed sen dokumentoj.

Nederlanda *Orienta Hindujo.* — S-ano Iken. Del de UEA en Batavia kaj la ĉefo arangis tre afable ĉion, ni ricevis esp. kaj holandlingvajn respondojn, dokumentojn, fotojn ktp. (nur stenogramon ne.)

*Germanujo.* — Ĝis nun respondoj venis el Oldenburg (C. Lammers. Del. de UEA) kaj Bremen. Pluaj respondoj atendeblaj.

*Havajo.* — Mallonga respondo de s -ano Thompson, Del. de UEA. Respondoj en preparo el *Estonujo, Grekujo, Ruslando.* —Ni daŭrigos la laboron, skribos denove, petos novajn helpantojn ktp., ĝis ni sukcesos ricevi respondojn laŭeble el ĉiuj landoj.

La ĉefoj, la kolegoj estas tre kontentaj, en la stenografiaj rondoj de Hungarujo oni tre interesiĝas.

Per inteligenta uzo de la eblecoj oni povas ja multon tiri el la scio de Esperanto kaj el la aparteno al ĝia movado. Ni diras « aparteni al ĝia movado » ĉar efektive ekzistas atentinda aro da esperantistoj kiuj staras flanke, kiuj hezitas aliĝi al organizaĵo, sed kiuj en decida momento tre bone scias uzi la servemon da samideano sindona kaj fervora, eĉ per ĉirkaŭvojo por ne partopreni en la kostoj.

Videbla pruvo de la aktiva Esperantismo estas ja jaraj kunvenoj (kongresoj), la regula eldonado de libroj kaj la servado de la Delegitoj de UEA. Ĉu ekzistas alia movado internacia, kiu per same modestaj rimedoj atingas tiajn rezultatojn ? Tion la movado dankas al la miloj kaj miloj da personoj kiuj per regula kotizo ebligas tion. Ne per kolosa kapitalo de riĉegulo fariĝis la Esperanto-Movado sed per la unuopaj eroj de dekmiloj. Por kunigi ĉiujn bonvolulojn en unu fasko stariĝis UEA, kies fundamento estas la persona membreco, la loka Delegito kaj la centra gvido. Sed la ĉefa danko apartenas tamen al la Delegito, kiu plenumante servojn, penadas samtempe trovi la necesan monon, sen kio ja nenio estas farebla.

Ne povante plu entrepreni statistikadon de la servoj, ni tamen pensas efektivigi proponon de nia ĉefdelegito Berlina, Sinjoro Műnz, nome eldoni en taŭga formo libreton, kun fakta rakonto de interesaj servoj, pruveblaj kaj dokumentitaj. Ni prilaboras tiun ĉi planon dum 1932 kaj se ne malhelpas la cirkonstancoj nunaj, esperas plenumi la proponon.

---

# Honora tabulo

En la varbado de membroj distingiĝis :

S-ro P. Hendriks, Delegito en Leeuwarden, Nederlando, kiu varbis :

**53 Anojn, M, MA kaj MS**

ĝis nun. Leeuwarden, la frisa ĉefloko kalkulas ĉ. 50.000 loĝantojn.

Kiu daŭrigos tiun honoran liston ?

# Universala Esperanto-Asocio

**Centra Oficejo: 1, Tour de l'Ile, Genève, Svislando**

## Oficiala Informilo

**Administra jaro 1932 N-ro 18 Majo 1932**

*Bilanco* 1931. — Konforme al la statuto de UEA, banka reprezentanto Sinjoro Camille Rogister, eksperto pri librotenado ĉe Union Financière et Commerciale en Ĝenevo, bonvolis ekzameni la bilancon de UEA por 1931. Post farita ekzameno li resumis siajn konstatojn kaj enskribis en la ĉeflibron :

Mi kontrolis kaj ekzamenis la bilancon de UEA por la jaro 1931 kaj konstatas :

1. La kutime bonan kaj zorgan tenadon de la libroj kaj kontoj permesantaj rapidan supervidon de la aferoj.

2. La interkorespondon de la bilancaj ciferoj kun la respektivaj kontoj, la ekziston de pruvoj pri ĉiuj faritaj elspezoj.

3. La relative bonan staton de la Asociaj financoj de 1931 dank' al atentema prizorgo per la oficistoj.

Kaj sekve mi povas rekomendi al la komitato bonkonscience la akcepton de la bilanco 1931 kun kutima danko al la Direktoro kaj al la kasistino.

Genève, 13an de Aprilo 1932.

Camille Rogister.

*Garantia Kapitalo.* — Akiris ateston al la Garantia Kapitalo kaj per tio ĉi Dumvivan Membrecon de UEA :

*Atesto : Dua Serio :*

| | |
|---|---|
| Antaŭa sumo . . . . . . . . . . . . . . | Frk. Svis. 13.800.— |
| 47. F-ino A.W.F.L. Aalders, Rijssen, Nederl. | Fr. Svis. 300.— |
| | Frk. Svis. 14.100.— |

Ni memorigas, ke atesto al la Garantia Kapitalo de UEA kostas 300 Frankojn svisajn. Oni povas pagi en partoj, dum daŭro de tri jaroj. La atesto de la G.K. de UEA rajtigas je dumviva membreco al la Asocio, dumviva abono al *Esperanto* kaj rajtigas ricevi ĉiujn dokumentojn fiksitajn laŭ la statuto aŭ laŭ decido de la Komitato.

## Adresaro : Novaj lokoj kun Delegitoj

**Aŭstralio**

*Leongatha* (Victoria). — D : William Gray, Whelane, R.O.

**Aŭstrio**

*Altheim* (Oberösterreich). — D : F-ino Marie Weinzierl, modistino, Hauptplatz 19.

**Britlando**

*Dunfermline* (Fife). — D : G. B. Hunter, 60 Dewar Street.

**Bulgarujo**

*Beglej* (Plevensko). — D : Stojan Vasilev, instruisto.
*Kriĉim* (Plovdiv). — D : Grigor Valĉanov, pensiulo.

**Ĉeĥoslovakio**

*Braunzeifen* (Mor.). — D : Alois Jauernig, instruisto.
*Ĉernilov* (Boh.). — D : Rud. Jandik, Muzikinstruisto, nr. 210.

**Francujo**

*Auxonne* (Côte d'or). — D : Jean Paul Espesset, 28 rue Lafayette.
*Château-Thierry.* — D : Louis Monnot, 8 rue de la Prairie.
*Grenoble.* — VD : Pierre Dejean, 289 Cours Jean Jaurès.
*La Mure* (Isère). — D : F-ino Blanche Ruelle, rue Bayard.
*Ribiers* (H-tes Alpes). — D : Auguste Vincet, impostisto
*Pont de Beauvoisin* (Isère). — D : Raoul Roussin, rue du Collège.
*Pont l'Evêque* (Calvados). — D : D-ro Fr. Spindler, Case postale 16.
*Valenciennes.* — D : F-ino Paule Samson, 44 rue Despinoy.
VD : J. Centnerszwer, 9 rue Ferrand.

**Germanujo**

*Stürza* (Sachsen). — D : Willy Kuhnt, Post Dürröhrsdorf.
*Weimar* . — D : Heinr. Cornarius, Sedanstrasse 2.
VD : Albert Striever, Paulinenstr. 17.

**Hindujo**

*Calcutta.* — D : Lakshimswar Sinha, instruisto, 9-1 Mussalmanpara Lane.

**Hispanujo**

*Aviles* (Astruias). — D : Armando F. Cueto Gutièrrez Avenida de F. Balsera 53.

**Italujo**

*Parma.* — D : Giovanni Bonardi, pastro. Missioni Estere.

**Jugoslavio**

*Bitolj.* — D : Milivoje Pavloviĉ., Solunska ul. 216.

**Kanado**

*Toronto.* — D : Gordon Laing Hallman. 434 Walmar Rd.

**Portugalo**

*Vale de Figueira di Ribatejo.* — D : Antonio Barata, tajloro.

**Svedujo**

*Arlöv Skane.* — D : Sven Albert Sundin, Fabriksgatan.
— VD : Knut Axel Hultén, Torngatan.

**Svislando**

*Wattenwil* (Bern). — D : Alex. Ueltschi, Gernetstall.

**Usono**

*Akron* (Ohio). — D : Fenton Stancliff, 1106 Big Falls Ave.
*Seattle* (Washington). — D : Wayne Jackson, 1318 Second Ave.
VD : O.O. Huntley, 4410 Dayton Ave.

*La supraj elektoj fariĝos valoraj se ĝis 30 tagoj post la nuna publikiĝo neniu membro protestos pro gravaj kaŭzoj. Intertempe la novaj D kaj VD agas provizore.*

## EKSIĜOJ & FORSTREKOJ

Ne plu estas D en jenaj lokoj :

*Ĉeĥoslovakio :* Graslitz. Malé Svatonovice. Strelice.

*Francujo.* Volmünster les Bitche.

*Italujo.* Messina. Rumanio : Dedabistra.

*Statistiko de la Delegitoj.*

| | |
|---|---|
| Stato je la 15 Marto 1932 . . . . . . . . . . . | 1.915 lokoj |
| Lokoj forstrekitaj laŭ supra listo . . . . . . . . | 6 lokoj |
| | 1.909 lokoj |
| Novaj lokoj de 15.3—15.4.32 . . . . . . . . . . | 25 lokoj |
| Stato je la 15. Aprilo 1932 . . . . . . . . . . | 1.934 lokoj |

Genève, 15 Aprilo 1932. Hans Jakob, *Direktoro de UEA.*

## La voĉo de dankado

Hannover, 31.3.32

*Al la estraro de l'Universala Esperanto-Asocio*
*GENÈVE*

Tre estimataj sinjoroj,

La tago de l'25a de Marto alportis al ni krom aliaj ankaŭ vian tre afablan dokumentan leteron de l'22a de Marto, kun tiel bonaj kaj amikaj vortoj, ke ni ambaŭ, mia edzino kaj mi, nin sentis vere kortuŝitaj per ili.

Ja la duono de nia kuna marŝado tra la vivo nin trovis kiel Esperantanojn, kiuj antaŭ preskaŭ 25 jaroj estis, la unu tuj kaptita, la alia iom post iom trapenetrita de la graveco kaj majesteco, kiujn ideale kaj praktike enhavas por la tuta homaro Esperanto kaj Esperantismo.

Mi estas konvinkita, ke Esperanto jam estus venkinta, se la malbenita milito ne estus okazinta, tiu terura epidemio, kiu konfuzigis la verkojn de preskaŭ ĉiuj homoj.

Nia fidela kaj diligentega delegito S-ro Mittag transdonis al ni en via nomo belan palmon, kiun mia edzino zorgeme flegos, por ke ĝi daŭre kaj ofte direktu niajn pensojn al la bonvolemaj donacintoj. Tutkore ni ambaŭ esprimas niajn danksentojn pro viaj afableco kaj ĝentileco, kaj volonte promesas, ke ankaŭ dum la restonta al ni vivtempo ni estos fidelaj al Esperanto kaj al U.E.A.

Viaj
Paul GOTTGETREU,
k. edzino.

* * *

# 1932 Por preterpasi la kataklismon ! 1932

## Aliĝu kiel Subtenanto

Respondante alvokon de l'Asocio invitante aliĝi kiel Subtenanto, la jenaj personoj bonvolis akcepti. Ni kore dankas al ili, kaj la sekvantajn aliĝontojn, ni kore bonvenigas. Centra Oficejo de UEA.

301. S-ro Harold Oatley, San Francisco.
302. S-ro Louis Cramer, Wilmington.
303. S-ro T. T. White, Taft, U.S.A.
304. S-ro Edgar Cheetham, Halcyon.
305. S-ro E. L. Southwick, Uxbridge.
306. S-ro J. H. Schackmann, Cincinnati.
307. S-ro John E. F. Higgins, Mount Vernon.
308. S-ro Kurt G. Fritzsching, Washington.
309. S-ro Secundino Rodriguez, Perez Millan.
310. S-ro Otto Apelt, Frankfurt a-Oder.
311. D-ro Hermann Wehrheim, Hildesheim.
312. F-ino Martha Müller, Auerbach.
313. S-ro Richard Müller, Auerbach.
314. Prof. Paul Christaller, Stuttgart.
315. S-ino Klara Ems, Krefeld.
316. S-ro Leo Sassella, Krefeld.
317. S-ro Ludwig Lohnstein, Worms.
318. Esperanto Grupo, Heilbronn.
319. S-ro Heinrich Rissom, Bergedorf.
320. S-ro Paul Bröther, Bad Warmbrunn.
321. S-ro P. Hendriks, Leeuwarden.
322. S-ro Hans Jakob, Genève.
323. S-ro Paul Möller, Grenaa.
324. S-ro Knud Thorbjörn Hansen, Aalborg.
325. S-ro O. Theod. Studer, Horgen.
326. D-ro Leo Scheuer, Sigmundsherberg.
327. Grupo Esperantista, Amiens.
328. S-ro Uonhŭa La, Seoul.
329. S-ro Imre Karoly Kovarcz, Budapest.
330. S-ro Augusto Kajoks, Riga.
331. F-ino Helmi Josefson, Stockholm.
332. S-ro Fritz Mitschke, New York.
333. D-ro Chas. R. Witt, Los Angeles.
334. S-ro Howard B. Frost, Riverside.
335. D-ro Joseph S. Gianfranceschi, Buffalo.
336. S-ro E. V. Ahlin, Brovallen.
337. S-ro Ernst Gustaf Risberg, Refsund.
338. S-ro Ernst Eriksson, Stockholm.
339. S-ro Sam Owen Jansson, Lidingö.
340. S-ro Adolf Larson, Äppelviken.
341. D-ro Erik Malmkvist, Äppelviken.
342. S-ro Oskar Frode, Vimmerby.
343. S-ro Otto Roesel, Boras.
344. S-ro Algot T. H. Blid, Nynäshamn.
345. S-ro Rektoro Sam Jansson, Lidingö.
346. S-ro Hilding Rynolf, Falun.
347. S-ro Kristo Bruklis, Alŝvangu.
348. S-ro Andrejs Fridenbergs, Riga.
349. S-ro R. J. Yarworth, Grimsby.
350. F-ino Liv Sandberg, Oslo.
351. S-ro Arne Arnessen, Oslo.
352. S-ro Rolf Bugge Paulsen, Oslo.
353. S-ro Honoratus Bonnevie, Oslo.
354. F-ino Margrethe Almquist, Oslo.
355. D-ro Amorosio Vargas, Mexico.
356. S-ro Franklin Austin, Milwaukee.
357. S-ro Eric Q. Lovendhal, Milwaukee.
358. S-ro Oskar Münzer, Milwaukee.
359. D-ro Franz Christanell, Salzburg.
360. S-ro Rudolfo Oristo, Milwaukee.
361. S-ro A. C. Runkel, Milwaukee.
362. S-ro Andres M. Oliva, Habana.
363. S-ro Josef Friedrich, Kosice.
364. S-ino Sklenĉkova, Hradec Kralové.
365. S-ro Otto Sklenĉka, Hradec Kralové.
366. S-ro Gustav Scholze, Reichenberg.
367. S-ro Antonin Kudela, Olomouc.
368. S-ro Djuro Borošić, Beograd.
369. S-ino Stana Ribnikar, Beograd.
370. S-ro Radomir Klajić, Beograd.
371. S-ino Jovanović-Beker, Beograd.
372. S-ro Joh. Andr. Seidenberg, Köln
373. S-ro Josef Sahler, Honnef a-Rhein.
374. F-ino M. Tröger, Falkenstein.
375. S-ro Heinrich Roth, Niederreifenberg.
376. S-ro Kurt Schönrich, Wiesbaden.
377. F-ino E. Schelchen, Berlin.
378. D-ro Siegfried Liebeck, Berlin.
379. F-ino G. de Waart, Hilversum.
380. S-ino E. M. Meerens, Amsterdam.
381. S-ro J. J. Roelofs, Soest.
382. F-ino T. H. Bakker, Hilversum.
383. S-ro Charles Roden Buxton, London.
384. S-ro A. Everest, Reading.
385. F-ino L. C. Smith, London.
386. S-ro Dan Thomas, Cardiff.
387. S-ro William Brown, Inglewhite.
388. S-ro Fr. Westphal, Erfurt.
389. S-ro Elias S. Kahan, Brooklyn.
390. S-ro Charles Brunet, Bordeaux.
391. S-ro Max Schafroth, Burgdorf.
392. S-ino Lydia Schafroth, Burgdorf.
393. S-ro S. S. Chen, Medan.
394. S-ro Edwin L. Clarke, Winter Park.
395. F-ino Louise Ziwutschka, Wien.
396. D-ro Karl Cron, Wien.
397. S-ro Erwin Gerhard Bernfeld, Wien.
398. S-ro Jakob Uhlmann, Wien.
399. S-ro Nikolaus Hovorka, Wien.
400. S-ro Hugo Sköld, Stenstorp.
401. S-ro Amadir Figueiredo Simoes, Setúbal.
402. S-ro Manuel Francisco Palma, Setúbal.
403. S-ro Jesus Amaya, Mexico.
404. S-ro Ernst Wynistorf, Zürich.
405. F-ino Elsa Bachmann, Zürich.
406. S-ro C. A. A. Haccon, Moentilan.
407. S-ro Pal Tolnai, Budapest.
408. S-ro Torsten Lindberg, Prässebo.
409. S-ro Martin Jansson, Stora Tuna.
410. S-ro Rudolf Hromada, Praha.
411. S-ro Emil Wanitsek, Bratislava.
412. S-ro Herold Kesik, Bratislava.
413. S-ino Blumauerova, Lazne Belohrad.
414. S-ro Karel Blumauer, Lazne Belohrad.
415. S-ro Frantizsek Skulina, Boconowice.
416. S-ro Theodor Degen, Sembach.
417. D-ro W. Jahr, Leipzig.
418. D-ro H. Lummerzheim, Berlin Wilmersdorf.
419. S-ro William Gray, Leongatha.
420. S-ro Bamberger, Mörs-Hochstrass.
421. S-ro Camille Martin, Laigle.
422. S-ro Mohamed Ruhani, Teheran.
423. S-ro Rod. G. Bosch, Buenos-Aires.
424. S-ro Robert Jenni, Solothurn.
425. S-ro Rosario Campo, Porlamar.

## Turismo kaj Foiro

### Varna

La reĝino de la Nigra Maro allogas pli kaj pli fremdulojn okcidentajn. Ĉe pentrinda golfo de la Nigra Maro kun klimato milda, Varna ne estas ia balkana urbo, sed tute moderna kun multaj oportunajoj kaj kio estas tre grave malmultekostaj. La vivkosto en balkanaj landoj estas ja notinde sub tiu de Centra kaj okcidenta Eŭropo. La Urba Trafika Oficejo jam eldonis belan gvidlibron kaj nun eldonis faldprospekton (20 cm alta, 10 cm larĝa kun ilustrajoj kaj kolora bildo. Multaj informoj taŭge kunmetitaj. Certe interesas la prezoj: Kompleta tag- aŭ vespermanĝo en unuaranga restoracio kostas 40 ĝis 60 levoj, kio estas 1.50 ĝis 2.00 Frankoj svisaj. Por tuta tago oni elspezas 100-120 Levoj, tio estas 3.50 ĝis 4.50 Frankoj svisaj. Kaj tio estas en nur bona restoracio, dume en mezaj kaj modestaj oni elspezas multe malpli. La prospekton oni povas peti ĉe : Bureau des Etrangers, Municipalité de Varna (Bulgarujo).

### Budapest

Bela faldprospekto (19 cm alta 11 cm larĝa, etendita 32 cm) ilustrita pri la foiro nunjara, 7-16 Majo. La prospekto informas pri ĉiuj avantaĝoj, viziti la foiron. Ĝi portas la indikon, « Esperanto uzata ». Oni petu ĝin ĉe Foira Oficejo, Alkotmany str. 8, Budapest

### Paris

Ankaŭ tiujare la direkcio de la foiro Pariza eldonis prospekton en Esperanto laŭ maniero de kupropresado, Bildoj el la foiro, unu panorama bildo kaj malmulte da teksto. La foiro okazas de la 4a ĝis la 18a de Majo. La karto de vizitanto ankaŭ estas en Esperanto. Interesuloj petu la prospekton ĉe Foire de Paris, 23 rue N. D. des Victoires, Paris 2.

### Frankfurt am Main

La datreveno centjara de la morto de Gœthe, 22 Marto 1832, estis memorigita en ĉiuj landoj. Antaŭ ĉio, la naskiĝ-urbo Frankfurt am Main ne povis preterlasi tiun okazon, memorigi inde tiun daton. Diversaj aranĝoj dum la Gœthe Jaro celas nin alproksimigi al la giganta vivlaboro de tiu ĉi germana poeto, kies verkaro iĝis universala.

La urbo Frankfurt ĉiam tre progresema eldonis prospekton ankaŭ en Esperanto, dissendita al la abonantoj de ESPERANTO kun la numero de Marto. Konsilinde estus, danki al la urbo pro tiu ĉi uzado de niaj servoj. Interesuloj petu pliajn ekzemplerojn rekte de la Wirtschaftsamt, Braubachstrasse 14, Frankfurt am Main.

### Aŭstrio.

La eldonajoj de la Ministerio por Komerco kaj Trafiko en Vieno jam fariĝas tradiciaj en Esperantujo. Nova belega faldprospekto, 24 × 11 cm., etendita 68 cm., kun tipaj bildoj el la landoj de Aŭstrio, kun geografia karto kaj ne tro longa teksto, aperis. Tiu ĉi gvidfolio plurkolora pruvas la fortan volon trapasi la nunan malfacilan epokon kiu ja speciale atingas la internacian turismon. Oni petu ekzemplerojn de Fremdenverkehrskommission, Mariahilferstr. 2, Wien VII.

Dankon al Reg. Konsilanto Steiner kiu faris la neceson por ke aperu tiu ĉi gvidfolio.

### Svedlando.

Svenska Trafikförbundet, Vasagatan 12 Stockholm eldonis kun teksto klariga en Esperanto geografian karton de Svedlando plurkoloran, 90 × 58 cm. Sed ne estas ia ordinara karto. Anstataŭ kutimaj loknomoj kiuj nenion postlasas al la rigardanto, estas apudmetata objekto tie fabrikata. Ekzemple : Jönköping kun alumetskatolo, Kiruna tute en la nordo kun ferminado, Trollhättan kun la energiformanta turbinhalo, Stockholm, Gripsholm k.t.p. aperas antaŭ la okuloj kaj postlasas memorajon. Gratulon al Esp. Turista Komisiono kiu sukcesis eldonigi tion.

# Tra la Mondo Esperantista

## Venu Parizon !



Preĝejo Sacré Coeur

Antaŭ 400 jaroj, la franca reĝo Francisko I skribis pri Parizo, en letero al Karlo V, germana kaj hispana Imperiestro, « *Ĝi ne estas urbo, sed mondo !* »

De tiu tempo, Parizo ne nur konservis tiun karakteron, sed plibeliĝadis, pligrandiĝis kaj ĉiam pli famiĝis. Tial neniu urbo, eĉ ne la antikvaj Romo kaj Ateno, tiel forte kaj daŭre kiel Parizo allogis la personojn kiuj amas la belon, la sciencon, la historion, k.t.p., kiuj ŝatas esplori vidindajn urbojn, restadi meze de gaja kaj gastama popolo.

Ni do ĝoju, ke dank'al la invito de la Komerca Ĉambro de Parizo kaj al la klopodado de la tiea Esperantista grupo, nun estas organizata en tiu urbego nia XXIV-a Kongreso.

Konsekvence, vi, kara leganto, kiu fidele vizitas ĉiujare niajn ĉiam belajn kaj interesajn kongresurbojn, vi, nova Esperantisto, kiu atendas senpacience la okazon vidi universalan kongreson, venu vi ĉiuj multnombre al Parizo.

Sed ja ! vi eble jam deziras ekscii pri la vidindaĵoj kiujn vi povos esplori, inter (kelkaj maliculoj dirus eĉ : dum) la laborkunsidoj de la Kongreso ? Malfacile estus doni sufiĉajn sciigojn per unu aŭ du artikoletoj ! Mi tamen provos rapide skizi por, se eble, kontentigi vin. Sciu do, ke vi trovos en nia kongresurbo ĉion, kion vi povos deziri !

Ja ! Vi deziras vidi belajn religiajn monumentojn ? Jen : Ĉefpreĝejo *Notre-Dame* (XIII-a jc., el pure ogiva stilo) ; tute apude la Sankta Kapelo, tiu juvelo de la ogiva stilo, duetaĝa kapelo, kiun reĝo Sankta Ludoviko konstruigis por ŝirmloki la Kristajn relikvojn. Kontraŭe, trans la rivero Seine, jen preĝejo *St-Julien-le-Pauvre* (XIII-a jc.) kaj preĝejo *St.Sévérin*, rimarkinda konstruaĵo de la XIII-a-XV-a jc. Pli malproksime, apud la Panthéon sur la monteto S-te-Geneviève (kiu nomiĝis iam Lucotitius kaj vidis la venkon de Labienus, generalo de la Romano Cesaro, kontraŭ Camulogène, Galia generalo), jen preĝejo *St-Etienne-du-Mont* (XVI-a jc.) kun sia antaŭhoreja balkono. Ĝi entenas la tombon de Sankta Geneviève, patronino de Parizo. Tutapude la turo de Clovis, restaĵo de abatejo de la VI-a jc., pli malproksime preĝejo *St.Médard* (XV-a jc.), sieĝita de 2000 protestantoj la 21-an de decembro 1561, preĝejo *St.-Germain-des-Près*, romantika abatejo de la XI-a jc. Sed kiom da vidindaj malnovaj preĝejoj : *St-Nicolas-du-Chardonnet* (flanke de la Kongresejo), *St-Germain-l'Auxerrois* (XIIIa-XVIa jc.( kies sonorilo donis la signalon por la buĉado de la protestantoj la 24an de Aŭgusto 1572 (nokto de S-ta Bartolomeo), *St. Eustache* apud « les Halles » (la manĝaĵ-vendejo por tuta Parizo), k.t.p.,.. ĝis tiu moderna preĝejo,



La Panteono

*Sacré Coeur* (Sankta Koro), kiu rigardas Parizon de l'supro de monteto Montmartre. Sed tiu nomo Montmartre memorigas vin pri nomoj de amuzaj lokoj... ĉu ne ? Ja tie dancejoj, kabaredoj (kantoverkistaj koncertejoj,), noktaj restoracioj, k.t.p., estas multaj. Sed sekvu min ; vi revenos tien poste, se vi deziros ! Revenante al la centro de Parizo vi renkontas la grandajn bulvardojn, kie vi trovos multajn teatrojn, koncertejojn, « muzikhalojn », belajn butikojn... Vi promenu laŭlonge de la bulvardoj de Bastille ĝis Konkordo ; dum kvin kilometroj vi vidos la eble plej trapasatan vojon de Parizo.

Ĉe placego Konkordo (Place de la Concorde) ni trovas la belegan arbostrategon « Champs Elysées », kiu kondukos vin ĝis la « Arc de Triomphe ». Suprengrimpu tiun Napoleonan monumenton. De ĝia supro vi havos plej belan vidajon super Parizo. Ni vidos la dek du avenuojn kiuj radie alcentriĝas al la placo. Tiu ĉi nomiĝas pro tio placo de la Stelo (Place de l'Etoile).

*(Daŭrigota.)*
ELBE.



Placo de la Konkordo

## Radio-Klubo Esperantista Franca

La jara ĝenerala kunveno okazis la 19an de Marto 1932 en Parizo.

La ĝenerala sekretario-kasisto, S-ro Favrel, prezentis raporton pri la materiala kaj morala situacio, tute prospera.

La nombro de la aliĝintoj, kiu estis 204 je la fino de 1930, fariĝis 512 je la fino de 1931 ; ĝi estas nun 574.

La R.K. organizadas la laborojn de la Radio-Komisiono de la 24a Universala Kongreso de Esperanto (Parizo 30 julio - 6 augusto 1932), kiu estos honorigita per la ĉeesto de la Prezidanto de la franca Respubliko.

La R.K. kreis la Centran Francan Informejon por Radio kaj Esperanto, kiu havas delegitojn en tuta Francujo kaj kolonioj.

Ĝiaj senpagaj esperantaj kursoj per korespondado estas ĉiam tre sekvataj, ĝi jus enskribis sian 260an lernanton.

Nun ĝi klopodas ĉe la Radio-stacioj por plenumi la dezirojn prezentitajn de S-ro Favrel, kaj akceptitajn de la kongresoj de la Radio-Kluboj, ĉefe la metodon por identigi la staciojn per la nacieco kaj la ondolongecon en esperanto.

La R.K. eldonas trimonatan revuon « Radio-Esperanto », tre dokumentitan kaj tre ŝatatan en Francujo kaj Eksterlando.

La estraro de la R.K. por 1932 konsistas el S-roj René Mesny, inĝeniero-prezidanto, — Dro Pierre Corret, kaj Ernest *Archdeacon*, vicprezidantoj, — Henri Favrel inĝeniero E.C.P. ĝenerala sekretario-kasisto, — Raymond Gaveau, helpa sekretario-kasisto.

La kunveno decidis gratuli la Radio-staciojn kaj gazetojn, kiuj dissendas kaj publikigas esperantajojn.

Por ricevi sciigojn pri la R.K.E.F., sin turni al S-ro Henri Favrel inĝ. E.C.P. ĝenerala sekretario-kasisto, 27 rue Pierre Guérin, Paris 16e, sendante respondkuponon.

## Al la instruistaro tutmonda

Kiel la komerco, la trafiko kaj la scienco ĝenerale, tiel la pedagogio speciale kun siaj fakuloj, la instruistaro, ekkonis en la postmilita tempo la urĝecon de internacia kunlaborado. Instruistoj el tutmondo kuniĝis en internaciaj fakaj asocioj kiel : « Internacia Profesia Sekretariejo de la instruistaro » aŭ « Internacia unuiĝo de la Instruistasocioj » aŭ « Internacia Porkleriga Laboristaro » aŭ « Internacia Laborrondo por Nova Edukado » aŭ fine « Mondunuiĝo de la Edukistaj Asocioj » (Ameriko) kaj kunvenis en internaciaj pedagogiaj kongresoj. Partoprenintoj spertis la netaŭgecon de naciaj lingvoj kiel tradukling-voj. La internacia pedagogia kongreso : « Al paco per la lernejo », kiun aranĝis 1927 en Praha la internacia Eduka Oficejo estis sukcesplena, ĉar per Esperanto kiel traduklingvo la partoprenintoj povis bone kaj facile interkompreniĝi

Sed ne nur la instruistaj asocioj, sed ĉiu sola instruisto ne nur trovu la vojon al Esperanto sed ankaŭ al la internacia faka asocio ! Ne estas sufiĉe konate, ke jam ekzistas kaj laboras diligente dek jarojn « *Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj* », kiu per sia fakorgano « *Internacia Pedagogia Revuo* » havas valoran ligilon inter la instruistaro el 42 landoj. Laŭ la plej nova statistiko de la International Auxiliary Language Association — New York ekzistas 6 737 geinstruistoj ĉe 1021 lernejoj en 60 landoj, kiuj laboras por Esperanto. Kiel respektinda tiu nombro estas, des pli bedaŭrinda estas la fakta stato ke nur 850 proksimume el ili ĝis nun aliĝis al la fakasocio TAGE. Nepre estas necese, ke kiel en Svedujo kaj Germanujo la Esp. instruistoj kuniĝu en landaj Esp. instruistasocioj, kiuj estu sekcioj de TAGE. Gesamideanoj. zorgu, ke la Esp. instruistoj pro tiu plej grava fakasocio internacia sin turnu tuj al la administrejo de TAGE, kiu estas preta, alsendi la necesan informalaron kaj ankaŭ specimenan n-ron de la fakgazeto, kiu nun estas la sola internacia instruista gazeto : Internacia Pedagogia Revuo. Adreso de la administrejo de TAGE : Kurt Hofmann, Felgengauerstr. 63, Riesa. Germ. Poŝtĉeka konto Dresden n-ro 263 79.

K. KRŐBER prez. de Saksa Instruistaro Esperantista.

## 1932 - Kongresa Kalendaro - 1932

| Indiko | Loko | Dato | Kotizo : | Adreso por informoj, pagoj k. t. p. |
|---|---|---|---|---|
| Belga | Antverpeno | 14-16 Majo | 15 bfr. | Schoenmarkt 16-1, Antwerpen |
| Brita | Southport | 15-16 Majo | 3 ŝil. 6 p. | F-ino Kay, 7 Bridge Grove, Southport. |
| Ĉeĥoslovaka | Olomouc | 15-16 Majo | | Moraviaj Esperanto-Pioniroj, 17, Riegrova, Olomouc. |
| Dana | Aarhus | 15-16 Majo | | M. Palsberg, Nyborggade 3. |
| Flandra | Kortrijk | 15-16 Majo | | Meerschstr. 1, Kortrijk Belgujo. |
| Germana | Chemnitz | 15-16 Majo | 6 Gmk | Altenhainerstr. 34, Chemnitz. |
| Jugoslava | Slavonski Brod | 15-16 Majo | | Esperanto-Kongreso-Komitato, Slav. Brod. |
| Katolika | Lourdes | Post la 24-a. | Ne montrita. | F-ino Larroche, 55 Vaugirard, Paris 6. |
| Proleta | Berlin | 30 VII. - 4 VIII. | Ne-montrita. | J. Batta, Postfach 2, Berlin C. 25. |
| Sennacieca | Stuttgart | 6-11 Aŭgusto | 0,60 USA Dol. | Vogelsangstr. 66, Stuttgart. |
| Svisa | St. Gallen | 21-22 Majo | 1,50 Frk. | Nova Esperanto-Klubo,St. Gallen. |
| Universala | Paris | 30.VII. - 6.VIII. | 125 Frk. francaj. | 24a Universala Kongreso de Esperanto, La Maison de France, 101 Ave. des Champs Elysées, Paris 8. |

## Unua Lingva Konferenco Arnhem 1932

La Lingva Konferenco en Arnhem en la Esperanto-Domo dum Pasko 1932 esploris diversajn demandojn rilate al instruado kaj vivo de la lingvo Esperanto kaj voĉdonis la jenajn konkludojn :

1. La Konferenco konstatas, ke ĉiuj partoprenantoj unuanime konsideras Esperanton kiel vivantan lingvon, kies fundamentan bazon neniu deziras diskuti.

2. La Konferenco konstatas, ke la evoluo de Esperanto progresas al ĉiam pli granda internacia unueco kaj gratulas la Internacian Cseh-Instituton pri ĝia helpo al unuecigo per aranĝo de internaciaj instruistaj kunvenoj kaj interŝanĝo de instruantoj inter diversaj landoj

3. Konsiderante, ke la estonta sekureco de la lingva evoluo estas jam certigita, la Konferenco esprimas la deziron, ke la Lingva Komitato de nun funkciu kiel scienca korporacio koncentrigante sian klopodon al libera kaj senpartia esplorado de lingvaj bezonoj kaj provaj uzoj.

4. La Konferenco esprimas la konvinkon, ke la Lingva Komitato devas limigi sian konsiston al vere kompetentaj lingvo-konantoj kaj lingvo-uzantoj kaj ke ĝi ankaŭ devas pli severa apliki tiun paragrafon de sia regularo, kiu kontrolas la kunlaboran statistikon de la membroj. (VII. 9. 1.)

5. Konsiderante la difektadon suferatan de nacilingvoj sub influo de superreganta lingvo, la Konferenco rememorigas la unuan paragrafon de la « Deklaracio pri Esperantismo », akceptita de la unua Kongreso en Boulogne sur Mer 1905 :

« La Esperantismo estas penado disvastigi en la tuta mondo la uzadon de lingvo neŭtrale homa, kiu « ne entrudante sin en la internan vivon de la popoloj kaj neniom celante elpuŝi la ekzistantajn lingvojn naciajn », donus al la homoj de malsamaj nacioj la eblon komprenigadi inter si, kiu povus servi kiel paciga lingvo de publikaj institucioj en tiuj landoj, kie diversaj nacioj batalas inter si pri la lingvo, kaj en kiu povus esti publikigataj tiuj verkoj, kiuj havas egalan intereson por ĉiuj popoloj.»

6. Konsiderante, ke mezurilo pri la kulturo de popolo estas ĝia literaturo,

Konsiderante, ke la literaturo de Esperanto devas esti inda je la grado de seriozeco, kiun atingis nia afero,

Konsiderante, ke la esperanta publiko vidas en niaj literaturaĵoj la ĉefan materialon necesan por ekzercado, la Konferenco petas, ke senpartian, senantaŭjuĝan, sed severan, utilan recenzadon de nia literaturo verku la recenzantoj de Esperanto-libroj, presigu la eldonantoj de Esperanto gazetoj kaj akceptu la Esperantistaro en sia propra intereso

7. La Konferenco petas la Akademion repreni la studon de la problemo pri vortfarado sur la bazo de la laboroj, faritaj de la tiama komisiono Saussure-Hőveler-Cart kaj fine solvu la demandon pri la gramatika karaktero de la vortradikoj en la senco esprimita de la tiamaj Saussuraj raportoj.

8. La Konferenco petas la Akademion esplori la demandon pri korekta uzado de la participoj kaj speciale atenti la nekorektan uzadon de formoj kun *-ita* anstataŭ la formoj kun *-ata*.

9. La Konferenco petas la Akademion, ke ĝi fiksu regularon pri la aplikado de la interpunkcio, pri la uzado de grandliteroj kaj pri la plej oftaj mallongigoj.

10. La Konferenco petas la Akademion, ke ĝi publikigu klarigon pri la ĝusta uzado de la prepozicioj, aparte pri *po* kaj *de*.

---

## Paska Universitato en la Esperanto-Domo

*Arnhem 30-Marto — 2-Aprilo 1932*

Tuj post la Lingva Konferenco, D-ro Edmond Privat donis Universitatan kurson pri : *Esprimoj de sentoj en Esperanto.*

En 7 prelegoj D-ro Privat pruvis, ke Esperanto vivas kaj kreskas kiel ĉiuj vivantaj lingvoj. La kutimaj argumentoj de kleraj kontraŭuloj de Esperanto tute senbaziĝis post la interesaj studoj de D-ro Privat.

Post ĉiu prelego sekvis interesa diskutado pri la uzo de diversaj esprimoj en la naciaj lingvoj, el kio evidentiĝis, ke Esperanto en kelkaj rilatoj eĉ havas pli da esprimeblecoj ol la aliaj lingvoj.

La brilaj paroladoj de D-ro Privat estis vera ĝuo por la aŭdantaro. Ĉiuj reiris hejmen pli riĉaj, pli kuraĝaj kaj kun profunda danko al nia eminenta samideano D-ro Privat.

La 30an de Marto S-ro Prof. Delfi Dalmau el Barcelona, faris interesan paroladon kun lumbildoj pri Barcelona kaj la hispana revolucio, kiu vekis grandan intereson inter la partoprenantoj de la Paska Universitato.

# * Naciaj Kongresoj *

## Svisa Esperanto-Tago

*Sabato : 21 Majo 1932.* — Ekzamenoj unua — kaj duagradaj en « Kaufleuten » Lernejo de la Svisa Komercista Societo, 14a horo.
19*a h.* — Libervola vespermanĝo en Restoracio « Kaufleuten »
20*a h.* — Granda amuza vespero, en « Schützengarten » (Tramo 3).
*Dimanĉo : 22 Majo* 1932 :
8.45 - 9.45 *h.* — Rondveturo per aŭtobusoj. Prezo fr. 1. - po persono.
10*a h.* — Ĉefkunveno de la Svisa Esperanto Societo.
12.30 *h.* — Fotografado.
13*a h.* — Komuna tagmanĝo en « Kaufleuten ». Paroladoj de altrangaj personoj. Prezo de la tagmanĝo : frs. 3.30 sen trinkaĵo.
15*a h.* — Kunveno de Universala Esperanto-Asocio.
16*a h.* — Je bela vetero : promenado aŭ : Koncerto en « Kaufleuten ».

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| Kongreskotizo | Kupono A | .................... | Frs. | 1.50 |
| Hotelo Gallushof | Kupono B | (lito & matenmanĝo) | » | 7.20 |
| aŭ : Hotelo Ilge | » C | » » » | » | 5.— |
| Aŭtobusa veturo | » D | .................... | » | 1.— |
| Komuna tagmanĝo | » E | .................... | » | 3.30 |

La partopreno en ĉiuj aranĝoj kostos do aŭ fr. 13.- aŭ 10.80.
La prezoj de la nomitaj hoteloj entenas servmonon.
Adreso : Nova Esperanto-Klubo, Sankt Gallen. Poŝtĉeko : IX-5344.

## XXa Belga Esperanto-Kongreso

*Pentekoston* 1932 — *Antverpeno*

*Sabaton, la 14an de Majo.* — Ĝenerala kunsido labora de la ĉeestantaj membroj de « Belga Ligo Esperantista ». — Poste intima dancado.

*Dimanĉon, la 15an de Majo.* — Solena malfermo de la Kongreso kaj solena kunsido. — Oficiala akcepto en la urbdomo. — Fotografado. — Komuna festeno. — Libera promenado. — Teatra- kaj dancfesto.

*Lundon, la 16an de Majo.* — Aranĝotaj vizitoj al : la haveno (per agrablaj ekskursboatoj), la Muzeo de Belaj Artoj, la Muzeo Plantin, la Zoologia Ĝardeno. — Komuna tagmanĝo. — Ĉe bela vetero ekskurseto al iu el la najbaraj parkoj.

## La V-a ĉehoslovaka kongreso de Esperanto en Olomouc dum pentekosto la 15.-16. V. 1932

Programo :

*Temo diskutata :* Nia organiza stato en ĈSR. Simpligo de niaj organizaĵoj enlandaj. — Gazeta problemo.

*Nomigo de strato* laŭ D-ro Zamenhof. — Plantado de arbo, memor-ŝtono kun enĉizita nomo de organizaĵoj pagantaj 150 Kč.

Eksterlandajn samideanojn, kiuj dum tiu tempo vizitos nian landon ni petas partopreni pro bonega propagando. La kotizo Kč. 15.-, hotelaj ĉambroj laŭ komforto, unulitaj de Kč. 14-26.-, dulitaj de Kč. 24-62.-, dua kuŝloko sur kanapo Kč. 10. - Manĝoj en restoracioj : matena simpla Kč. 2.-, tag-kaj vespermanĝo po Kč. 6-10., en laktejoj kaj kolbasejoj por duona prezo.

*Adreso :* LKK. Moraviaj Esperanto-Pioniroj, Riegrova 17, Olomouc. — Poŝtĉeka konto : 203.025 Praha.

## 21-a Germana - Esperanto - Kongreso

okazos Pentekoston 1932 (15.-17.5) en Chemnitz. La ĉefurbestro, D-ro Arlart, akceptis la honoran prezidecon.

La *provizora programo* estas :

*Sabato*, 14.5. — Kunsido de la estraro kaj konsilantaro de G.E.A. — Interkonatiĝa vespero.

*Dimanĉo*, 15.5. — Solena malfermo de la Kongreso — Komuna fotografado — Komuna bankedo — Unua laborkunsido — Vespere senceremonia kunestado en la flughaveno.

*Lundo*, 16.5. — Dua laborkunsido kun paroladoj en Esp. kaj diskutado — Tagmanĝo — Tria (ferma) laborkunsido — Senceremonia kunestado en urbdoma vinkelo aŭ restoracio aŭ kafejo.

Ekster la oficiala program : Rondveturado tra la urbo ; aŭtobusveturo al la kastelo Aŭgustusburg, al Fichteberg, la plej alta monto de Saksujo, poste tra la urbo Annaberg al la monto Poehlberg, tie « Hutzenabend » kun dialektaj deklamoj ktp. — aŭ vizito al la grandioza valbarilo « Kriebstein ».

La kunsidoj kaj la bankedo okazos en « Chemnitzer Hof –, unu el la plej belaj kaj modernaj Hoteloj de tuta Germanujo.

Specialaj kunsidoj estas inter aliaj anoncitaj de UEA, de la Germana Instruista Esp. Asocio (sabato, 14.5 je 2.30 h. en Chemnitzer Hof) kaj de aviadistoj, por fondo de aviadista Esp. Unuiĝo. A. F.

# En kelkaj linioj



*** De la konata vortaro de Paul Bennemann (Eldonejo Ferdinand Hirt & Sohn, Esperanto-Fako, Leipzig C. 1, Salomonstr. 15) Ia parto : esp.-germana aperis eldono por blinduloj. Ĝi ampleksas tri grandformatajn volumojn, kiuj kostas nur RM 16.50. Tiu eldono estas grava pliriĉigo de la Esperanto-literaturo por blinduloj kaj pro tio estas devo de ĉiu vidanto, atentigi la blindulojn je tiu grava eldono kaj rekomendi ĝin al blindul-bibliotekoj kaj al ĉiuj blindaj samideanoj. La dua parto de la vortaro germana-esperanta, kiu havos kompreneble pli ol la duoblan amplekson ol la unua parto estas en preparo. La punktskribon prizorgis : Hochschulbücherei, Studienanstalt und Beratungsstelle für blinde Studierende e.V., Marburg-Lahn, Wörthstr. 9-11. Al tiu adreso bonvolu direkti vian mendon, ĉar pro la malalta prezo la verko ne povas esti liverata pere de librejoj.

Antaŭ nelonge en la komunumkonsilantara kunveno en Dordrecht (Nederlando) membro faris duonhoran paroladon, favoran al Esperanto. Fine li prezentis jenan proponon, subsignitan ankaŭ de du aliaj membroj :

La konsilantaro petas al la kolegio de urbestro kaj skabenoj : fari esploron kiagrade kaj en kiujn lernejojn en Dordrecht la instruado de Esperanto estos enkondukebla ;

al la konsilantaro raporti pri la rezultato kaj eventuale aldoni al la raporto proponojn.

La konsilantaro senvoĉdone akceptis la proponon.

*** Cirkulerletero 42.402 de l'Bulgara Kleriga Ministerio, 21/12/31 nuligas la malpermeson instrui Esperanton en mezlernejoj, konsentas je fakultativa instruado kaj formadon de grupoj inter mezlernejoj.

*** La Flandra Turista Asocio, nombranta 110.000 membrojn, mencias en sia bulteno de 1.1.1932 ke ekde Februaro 1932 ĝi publikigas kurson de Esperanto.

Estas la plej grandskala propagando por nia lingvo kiu iam okazis en Belglando. Ni dankas tiun sukceson al la klopodoj de Flandra Ligo Esperantista.

*** En Barcelona strato estas nomata laŭ D-ro Zamenhof sekve de propono de la Kataluna Federacio. (K.E. 178-79).

*** La Ministerio de Publika Instruado en Sofia, Bulgario, per Letero N-ro 6448 de la 8. Marto 1932 rajtigis S-ron Ivan H. Krestanov, lektoro de fremdlingvoj en Sofia, fari paroladojn en ĉiuj mezlernejoj de la reglando pri «*Esperanto kiel faktoro de klerigo*» kun demonstracioj kaj bildoj. Por ĉi celo la Kulturfako de la dirita Ministerio atentigis la direktorojn de la gimnazioj en Bulgarujo, rekomendante la paroladojn kaj faciligante la veturon de la paroladisto sur ĉiuj bulgaraj fervojoj.

*** En la jara kunveno de akciuloj de la Akcia Societo « Centra Esperanto Librejo » en Hago (Nederlando), okazinta la 27 an de Februaro, la bilanco kaj la konto de perdoj kaj profitoj estis aprobataj kaj la dividendo pri 1931 fiksata je 7% (kiel antaŭan jaron). Kiel komisaro estis reelektita S-ro J. L. Bruyn.

Konforme al la statuto la kunveno priparolis la dividon de la plia profito kaj decidis donaci 102.53 guldenojn al la komitato por la starigo de la Zamenhofa monumento en Bialistok (Polujo).

La Esperantista Societo Mulhouse (Francujo) koregе invitas ĉiujn gesamideanojn al la Orient-franca Esperantista Federacia Kongreso kiu okazos la 5an de Junio 1932 en la Komerca Ĉambro de Mulhouse sub la patroneco de S-ro Bouché-Leclercq, subprefekto. Inter la Honora Komitato troviĝas S-ro A. Wicky, urbestro, kaj S-roj A. Baudet kaj E. Dollfus, prezidantoj de la Komercaj Ĉambroj de Parizo kaj Mulhouse. Demandu informojn al S-ro F. Buecher, 38, rue des Abeilles, Mulhouse (Delegito de U.E.A.).

# ** KRONIKO **

### Resumo de Informoj de l'Delegito por eksterlando, Brescia.

*Brescia:* Sukcese daŭrigas la 4 kursoj : du ĉe la Reĝa Instituto « Magistrale », unu ĉe Reĝa Teknika Instituto kaj unu ĉe la loka Stenografia Asocio (adreso : Corso Carlo Alberto N° 36) kies kelkaj membroj esperantistoj ŝatus korespondadi kun eksterlandaj stenografistoj gesamideanoj.

*Genova:* Je fino de Januaro komencis kurso de E. ĉe la ejo de interhelpa Societo de Marassi, gvidata de S-ro Johano Barni.

*Gradisca d'Isonzo:* Kurso de E. ĉe la profesia Lernejo G. B. Maccari·

*Pordenone* (Prov. de Udine)*:* Kursoj de E. ĉe Reĝa Liceo, Reĝa Teknika Insituto, kaj Episkopa Seminario.

Pastro Prof. Bianchini, Lingva Komitatano, faris sukcesan paroladon pri Esperanto.

*Sampierdarena:* Du kursoj de E. : unu ĉe la sidejo de la Sampierdarena Esperantista Asocio. La alia ĉe la urba Palaco del'Instruado, gvidata de S-ro A. Osto.

*Torino:* Krom la jam menciita kurso de E. (lastmonate) ĉe la eje de la Faŝista Fervojista « Postlaboro » alia kurso estas gvidata ĉe la Reĝa Teknika Instituto.

## Brazilo

Rio de Janeiro. — La dua Interŝtata Kongreso de Turismo rekomendis la publikigon ankaŭ en Esperanto de gvidlibroj dissendotaj al landoj, kies oficialaj lingvoj ne estas la portugala, franca, hispana kaj itala lingvoj.

Fondiĝis el Curitiba « Centro Esperantista de Paraná » kies estraro estas la jena : Honora prezidantino, S-ino Luiza Deeke ; prez., S-ro Augusto Gonçalves de Castro ; vic-prez. S-ro Augusto Modesto ; Sek., S-ino Maria Estrella e Carvalho Sondahl ; kas., S-ro Zarathustra Sondahl. La grupo, kiu aliĝis al Brazila Ligo Esperantista kaj U.E.A., tuj malfermis kurson de Esperanto kaj festis la datrevenan daton de Zamenhof.

---

Skribinte al S-ro Majoro Aŭgusto Maynard Gomes, regdelegito de la ĉefo de l'Provizora Registaro en Sergipe, — Ŝtato, kie oni multe propagandis Esperanton, la estraro de « Brazila Ligo Esperantista » jus ricevis la jenan respondon :

Aracajŭ, la 27an Februaro 1932 — S-ro D-ro A. Couto Fernandes, Prezidanto de « Brazila Ligo Esperantista » — Rio. Ricevinte la peton, kiun faris al mi la estraro de « Brazila Ligo Esperantista » per letero datita ja la 30a de Januaro pasinta, mi havas la honoron komuniki al vi, ke, per la decido n-ro 12a. je la 23-a. ĉimonata, de la Urba Konsilantaro de Aracajŭ, estas donita la nomo « Esperanto » al strato en la kvartalo « Sankta Isabel », en ĉi tiu ĉefurbo. Mi profitas tiun ĉi agrablan okazon por prezenti al vi kaj al ceteraj estraranoj de tiu societo, subskribintaj la diritan peton, la plej sincerajn gratulojn. de tiu ĉi Delegito. Korajn salutojn Aŭgusto Maynard Gomes. Federala Regdelegito en Sergipe.

## Bulgarujo

Esperanto estas metita kiel deviga instrufako en la programon de la Knabina Komerca Gimnazio « Minerva » en Sofia. La Direktoro, D-ro Gravrijski, kontenta pro la sukceso enkondukis la instruon ankaŭ en la vesperkursojn ĉiuklasajn Instruas Prof. Ivan H. Krestanov.

## Portugalujo

Neniam Esperanto vigliĝis en Portugalujo kiel nun.

En Coimbra nia Samideano J. X. M. do Couto lerte laboras ĉe la Fakultato kaj granda nombro da profesoroj interesiĝas pri la movado. La konata Prof. S-ro Viana de Lemos, D-ro John Opie, la angla profesoro ĉe la Fakultato de Beletristiko, D-ro Matias kaj aliaj ekkomprenas ke Esperanto estas serioza afero kaj ĝin defendas kaj eĉ kunlaboras. En la ĉefa halo de la Publika Biblioteko de Coimbra okazis Esperanta Ekspozicio anoncata en tri lokaj jurnaloj. Ĉe « The English Speaking Club of Coimbra », S-ro Couto, la animo de la nuna movado, baldaŭ faros paroladon pri « La problemo de la Lingvo Internacia kaj ĝia solvo ». La parolado okazos an angla lingvo.

En Lisbono, pro la valora helpo de la posedanto de la Radio-Stacio CT IAA-Lisbono, S-ro Abilio Nunes dos Santos, la movado iĝas vere interesa, ĉar la kurso dissendata per ondlongo 282,2 estas alloginta la atenton de multaj personoj novaj en nia movado kaj kiuj sin manifestas per la alsendo de multaj leteroj al la posedanto de la Stacio kaj al la profesoro de la kurso Saldanha Carreira.

Ankaŭ estas tre efika la Esperanta propagando per mallongaj ondoj 42,90 ĉiu vendrede. La paroladetoj en Esperanto lingvo estas anoncataj portugale, germane, angle kaj france. La du lastaj paroladoj 14*a* kaj 5*a*, temis pri la verko « Jarmiloj pasas » de Haefker kaj pri « Eterna Bukedo » de nia granda poeto Kolomano Kalocsay. Saldanha Carreira legis strofojn de la granda portugala poemo « La Luziadoj » Esperante kaj portugale, el la mirinda traduko de Kalocsay kaj el la originalo de Camoes.

S-ro Nunes do Santos (Abiljo) estas publike honorigita en la honora salono de Societo de Geografio de Lisbono, ricevinte de l'Prezidanto de la Portugala Respubliko, S-ro Generalo Carmona, ordenan krucon en rekompenco de sia altvalora altruisma kaj patriota merito.

## Persujo.

Ekzistas izolaj esperantistoj en jenaj persaj urboj : Recht, Teheran, Tabriz, Kermanshah, Ŝuster, Espahan, Masjid-I-Sulaiman. En ses lokoj estas Delegitoj de UEA. Aperis jam du malsamaj lernolibroj por persoj kaj dum pasinta jaro bele presita ŝlosilo laŭ la serio kaj normo del ICK.

S-ro Reza Taheri, la Delegito de UEA en Sultanabad iniciatis la fondon de Societo kies estraro estas : — Prezidanto : S-ro Taghi Khan Meleki ; Sekr. : S-ro Reza Taheri ; Kas. S-ro Reza Meleki. Komenciĝis kurso por plenkreskuloj.

# Internacia Hejmo Esperantista Aspremont (Francujo, A.-M )

La IHE, (proprajo de la Esperanto-Movado sub aŭspicio de l'ICK) troviĝas en la Alpoj, 13 km norde de Nice, 530 metroj alta.

La nombro de gastoj de 1.1. ĝis 31.3.32. estis 19 el sep landoj. La vasta tereno povas porti grandan nombron de fruktarboj kaj jam estas plantitaj 12 specoj da ili. Ĉiu arbo portas la nomon de la donacinto sur ŝildeto. Donacemuloj povas partopreni tiun plantadon sendante 10 Fr. fr. al la gvidanto kiu aĉetos junan arbon kaj plantos ĝin. La arbo portos ŝildeton kun la nomo de l'donacinto.

Por la interna plibeligo del'hejmo estas danke akceptataj utilaj objektoj. Sciigu antaŭe la gvidanton pri tio por ke li informu pri la sendomaniero.



Bonvolis sendi donacojn la jenaj samideanoj : S-ro Pot, Balikpapan (25) ; S-ino de Daly, Bordighera (20) ; S-ro M. Suzuki, Japan.(20) ; Busumaj Esperantistoj (10) ; Hilversum- aj Esperantistoj (30) ; S-ro Ferrari, Paris (20) ; S-ro Kreuz, Genève (10) ; S-ino M. Baroch, Sl. Ostrava (20) ; F-ino Bakker, Hilversum (15) ; — Ĉio en francaj Frankoj. S-roj Chambers, Lowne kaj Hobson, F-inoj Spink, Beesley kaj Skrimshire, London (2 Funtoj) ; S-ro Bent, Sheffiell (1 funt) ; F-ino M. E. Young Southend on Sea (5 ŝil.)

Objektojn donacis : S-ro Bent (manviŝiloj) ; S-ro van Zurk, Nice, (Tendo por biciklo) ; S-ro Goodland, Aspremont, (Libroj por la biblioteko) ; S-ro Yelland (Same) S-ro Pech, Plzen (vitraj konfitaj-teleroj) ; S-ro Stuit (gramofono) ; S-ro Suzuki (Japanaj bildoj). —

Koran dankon al ĉiuj kaj aparte al S-ro Suit kaj Prudek senpage laborantaj sur la bieno.

## Internacia Labor-Oficejo kaj Esperanto

Tre aktiva parto de la Ligo de Nacioj estas la Internacia Labora Organizajo, kies oficejo troviĝas en Ĝenevo. La ILO (Internacia Labor-Oficejo) kiu dekomence praktike uzas Esperanton kaj la servadon de la Delegitoj de UEA, eldonis informan faldprospekton (24 cm alta, 11,5 larĝa 10 paĝoj) pri la konstitucio, agado kaj rezultatoj de tiu-ĉi organizajo. Interesuloj petu rekte ekzempleron, skribante en deca formo (ne uzu ilustritan poŝtkarton !) al Bureau International du Travail, Genève.

# Niaj Mortintoj

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al la familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

*S-ro Alfonso Sabadell*, pioniro de Esperanto en kataluna lando iam loka Delegito de UEA en Barcelona, ano de la Lingva Komitato 72 jara, Januaro 1932 en Italujo.



S-ro Fr. Pillath

*S-ro Friedrich Pillath*, eks-oficejestro ĉe firmo Krupp en Essen Iama Delegito de UEA, konata en Esperantujo sub pseŭdonimo Zanoni. Multe kunlaboris al nia revuo, tradukis interalie el Heine, kompilis kantaron. 3. 4. 1932.

*S-ro Giacomo Pisa*, malnova samideano, dum longa tempo ano de UEA kaj de la grupo en Romo, 28. 2. 1932.

*S-ro Vitangello Nalli*, pioniro de la movado en Italujo, ano de la Lingva Komitato dum kelka tempo, eldoninto de revuo IDEALO, verkinto de gramatiko. (Dato ne komunikita).

*S-ro Angel Angelov*, advokato en Pleven Bulgar. (I.H.K.)

*S-ro T. J. Donoghue*, profesoro de hispana lingvo Membro de UEA 27092, 66 jara en Tampa, Florida, U.S.A.: 26. 2.32. (P.S.).

*S-ro Anton Poll*, Ano de UEA 21624 en München, 2.3.32.

*S-ro Filip Petroviĉ-Viŝnajkov*, en Novosibirsk (antaŭa Novo-Nikolajevsk) 31.3.32. — Fidela esperantisto, unua Delegito de UEA, post la revolucio fervora ano de SAT, konstanta loka laboranto de l'grupo. Punlaborulo (Katorgo) sub cara reĝimo pro politika kaŭzo. (A. Petrov).

---

Nia fervora Delegito en Beuthen, Germanujo, S-ro Studienrat Knopf havis la malfeliĉon perdi sian patron, S-ro Emil Knopf, 79 jaraĝa.

*Sinceran kunsenton !*

# Fakaj kunvenoj

Kun la celo interesigi al Esperanto kiel eble plej multe da diversfakaj medioj en Paris, la Komisiono de fakaj Kunvenoj de nun proponas siajn servojn por faciligi al la diversaj esperantistaj faksocietoj renkontiĝon kun la respondaj samfakaj Asocioj en la Kongresurbo, kaj eĉ oficialan inviton de la diritaj Asocioj.

Tial 1° ĉiu *Faka Asocio* de Esperantistoj bonvolu tuj informi la Komisionon, ĉu ĝi bezonas apartan ĉambron en la Kongresejo — por kiom da personoj proksimume, — kaj eventuale pri la programo de la kunsido.

Tial 2° — ĉiu *Kongresano*, kiu deziras partopreni unu aŭ plurajn fakajn aŭ profesiajn kunvenojn, bonvolu montri la *specialan* fakon, je kiu li havas intereson.

Skribi rekte al la Komisiono por Fakaj Kunvenoj.

Adreso : ESPERANTO, 3, Boulevard Pasteur, Paris, 15e.

# Esperantista vivo

### Naskiĝoj

*** Al Ge-sroj Thomas, D en Aulnay-sous-Bois, Francujo, filino Andrée-Renée-Ginette 20.2.32.

*** Al Ge-sroj Paul Benoit, D en Oostduinkerke, Belg., filo Paul.

*** Al Ge-sroj Placodio, Anoj n-ro 38786 en Genova filo Giuliano.

*** Ge-sroj Teo Jung, ĉefredaktoro de l'« Heroldo de Esperanto », Kőln a. Rhein, filo Heinz Teo.

### Edziĝoj

*** S-ro Joseph F. Berger, Redaktoro ĉe « Heroldo de Esperanto » kun F-ino Anna Fuchs, ambaŭ anoj de UEA en Kőln a.Rhein.

*** S-ro Josef Friedrich, MS kaj longjara Delegito de UEA en Košice, Ĉeĥoslovakujo kun f-ino Bőzsi Péterfiová.

### Jubileo

S-ro D-ro Heinrich Arnhold en Dresden, Dumviva Ano de UEA, malavara subtenanto de la loka movado festis 25 datrevenon de l'eniro en firmo Gebr. Arnhold, konata bankentrepreno germana. Sinceran gratulon !

---

# Korespondado

*Interŝanĝo de objektoj*

*Mallongigoj* : L-letero ; PK-poŝtkarto ; PI-poŝtkarto ilustr., bfl. poŝtmarko sur bildflanko ; Gaz.-gazeto ; k.ĉ.l.- kun ĉiuj landoj C.r.- certe respondos.

---

*Aichi-ken* (Japan.) — S-ro Takechivo Yamaguchi, Hatavama-mura, Aichi-gun, L., k.ĉ.l. Certe respondos al ĉiuj.

*Alessandria* (Italujo). — S-ro G. Ferraris, Cristo, via Vecchia Bagliani, Korespondas kaj interŝanĝas ilustritajn semajnulojn kun albanoj, grekoj, turkoj, kaj persoj. Respondo tuja.

*Arad* (Ruman.). — S-ro Jozefo Wohlberg, VD de UEA, Bul. Reg. Ferdinand 46, PM laŭ Michel aŭ Yvert. Nur registritajn sendaĵojn de seriozaj filatelistoj. Kun German-kaj Hungarlando, Jugoslavio, Ĉ.S.R., nur laŭ mankolisto.

*Arcen* (Nederlando). — S-ro Gerard van Soest, instruisto, L., PI., k.ĉ.l. precipe kun gekolegoj pri instruado.

*Beglej* (Bulgar., Plevensko). — S-ro Stojan Vasilev, L., PI., gaz.

*Bialystok* (Polujo). — S-ro Salomon Wajnberg, R. Kosciuszki, N. 20, PI., k.ĉ.l.

*Bozeman* (USA, Montana). — S-ro David D. Bartholomew, 819 So., Third Ave., pri nia sinteno je homaj aferoj kun aliaj junuloj duon malsanaj.

*Breclav* (Ceĥoslovakio). — S-ro Vàclav Ryŝka, Kuffnerŭv cukrovar — PI, L.

*Brüx* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Stephan Wabra, Ringstrasse 875 PI kĉl.

*Brüx* (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Josef Beller, Del. de UEA, Teplitzerstrasse 37, PM laŭ mankolisto.

*Bucuresti I.* (Rumanio). — S-ro Bernthal Benedikto, str. Olteni 3 A, PM., k.ĉ.l., sendas ankaŭ po kvar samspecaj (bloko).

*Como* (Ital.). — S-ro Castiglioni, Via Vittorio Eman. 28, itala samideano, L., PI., kun svisaj samideaninoj.

*Den Haag* (Nederlando). — S-ro Frits Belinfante, Banstraat 22, vojaĝas bicikle, verŝajne laŭ Dortmund-Harz-Dresden-Praha-Heidelberg-Kőln. Certe respondos. Skribu ĉiuj.

*Frauenberg p. Weisskirchen b. Kratzau* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Anton Rősler, k.ĉ.l. PI. L.

*Gerona* (Hispan.). — S-ro Arnaldo Sagué, Str. Iglesia 4, Palamós, PI. k.ĉ.l.

*Gefle* (Sved.). — S-ro Karl Boman, Hagelins, PM eŭropaj laŭ Yvert.

*Herisau* (Svislando). — La Esperanto-grupo serĉas por siaj 43 lernantoj seriozajn gekorespondantojn en ne germane parolantaj landoj. La kurso estas gvidata de Sinjorino Morariu, instruistinó el la internacia Ĉeinstituto, kiu tre bone kapablas eduki la lernantojn al la Esperanto-ideo. Tial ni nur deziras korespondaĵojn, kiuj faras same bonajn impresojn al la lernantoj. Bonvolu indiki la profesion kaj deziro, pri temo priskribota. Adreso : Ed. Graf, Burghalde 1430 f.

*Hodonin* (Ĉeĥosl.). — S-ro Ludoviko Irŝik, Vystavni 24a.PI, PM, precipe amatoraj fotografaĵoj k.ĉ.l. Respondo garantiata.

*Kratzau* (Ĉeĥoslov.). — II. -415. — S-ro Rudolf Scholze, magazenisto, L, PI, k.ĉ.l.

*Kratzau* (Ĉeĥoslov.). — 168. — S-ro Georg Maruschka, librotenisto, L, PI, bfl. pri komercaj aferoj.

*Darwen* (Angl. Lancs.). — S-ro P. L. Ide, 12 Shaftesbury Avenue, L., PI, france, hispane, germane, itale.

*Halle-Saale* (German.). — S-ro Heinz Pfeiffer, Kőnigstr. 57. 18 jaroj. kun francaj samidean- inoj. Vizitas kongreson.

*Kratzau* 71 (Ĉeĥoslov.). — S-ro Julĉo Patzelt PI, bfl. L pri propagandmetodoj, kolektas propagandan materialon.

*Kratzau* 329 (Ĉeĥoslov.). — S-ro Emil Matzig, PI bfl. k.ĉ.l.

*Kratzau* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Viktor Sagl, aŭtomobilisto PI bfl.

*Kratzau No* 40. (Ĉeĥoslov.). — S-ro Wenzel Ernd, barbisto — pri politiko k.ĉ.l.

*Kratzau* 90. (Ĉeĥoslov.). — F-ino Ria Blaha, kasistino, k.ĉ.l. L, PI.

*Le Locle* (Svis.). — S-ro Paul Humberset, instr., plezure sendos 50 malsamajn PM svisajn, interŝanĝe de tiom da malsamaj PM de Rumanujo, Greklando, Portugal., Skand. landoj, U.SA. Latina Ameriko (krom Argentino) kaj diversaj kolonioj.

*Litomyŝl.* — S-ro Anto. Piĉ, urba oficisto, Del. UEA, No 63, PI, L, k.ĉ.l. ĉiam respondas.

*Litomyŝl.* — S-ro Frant. Svoboda, asekurejestro No 204., PI (pref fotoaĵojn) bfl. naturbelaĵoj, turismo k.ĉ.l. akurate respondas.

*Liverpool* (Britujo). — S-ro Robert J. Milligan, Walton, Broadbelt Street, deziras informojn pri cigana vivo kaj pri eventuala traduko de Petronius Arbiter. Respondas akurate.

*Nieder Wittig* 55. b. *Kratzau* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Wilhelm Wollmann, gimnaziano, kun profesoroj k. studentoj k.ĉ.l.

*Nieder-Wittig* 69. b. *Kratzau* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Gustav Thiel, Ĉarpentisto, PI, PM, k.ĉ.l.

*Palma de Mallorca* (Hispan.). — S-ro Miguel Barios Bauza, Calle Beatris de Pinos 105, PI., k.ĉ.l.

*Potŝtejn* (Ĉ.S.R.). — S-ro Inĝ. L. Berger, kolektas adresojn por sia BES- Adresaro de Esperantistoj, el ĉiuj landoj.

*Rimavska Sobota* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Vàclav Kràl, Del. UEA, Nàdrazi. PI bfl. kaj PM minim. 250 kun Eŭropo kaj Azio laŭ Michel 1932.

*Salonta* (Rumanio). — S-ro Rudolfo Preisz, oficisto, Piata Printul Nicolae 5, jud. Bihor, PI., L. k.ĉ.l. precipe el Montagnon, Algerie.

*Santa Clara* (Kubo). — S-ro Torbio Cabrera Perez, Estrada Palma kaj Maceo Str., PI, Bfl. L., L., k.ĉ.l. ĉefe kun F-'inoj Gaz. ilustr. Aĉetas interŝanĝas k.ĉ.l. bzo Yvert kun seriozaj filatelistoj. Ĉiam resp., Angle, Esperante, France, Hispane.

*Tetschen-Elbe* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Hans Roppert, Brauhausgasse 9, PM k.ĉ.l. Certe respondos.

*Trieste* (Italujo). — F-ino Gabay Luce, v. Battisti 35, — deziras korespondi kun junaj eksterlandaj fraŭloj — certa respondo.

*Trieste* (Italujo). — F-ino Behar Rosy, Large Santorio 5, — interŝanĝus L, PI. kun junaj fraŭloj de ĉiuj eksterlandoj.

*Trieste* (Italujo). — S-ro Chiaruttini Odilo, v. Vecellio 8, — deziras interkorespondi kun studemuloj de psikaj sciencoj precipe pri mediumeco kaj astrologio.

*Vancouver* (British Columbia). — La ĉefinstruisto komerca ĉe altlernejo de mil lernantoj deziras vekigi intereson pri Esperanto kaj pri internacieco — kaj inter siaj lernantoj kaj inter kanadanoj ĝenerale. Por ĉi-tiu celo kaj por montri la universalecon de la verdstelafero, li petas la helpon de geesperantoj en ĉiuj landoj. Li bonvenigus korespondadon pri ia kaj ĉia temo : bildkartojn, poŝtmarkojn, ilustritajn jurnalojn naciajn, esperantaĵojn, kaj naciaĵojn speciale dezirate. Li promesas fidele respondigi per kanadaĵoj de egala au plivaloro al ĉiuj korespondantoj. Skribu al : S-ro W. H. Fenton, 2755 West 36 Avenue, Vancouver,Canada.

*Villeurbanne* (Francujo, Rhône). — S-ino Bertrand, 7 Grande rue des Charpennes, deziras interŝanĝi seriozajn korespondaĵojn k.ĉ.l. pri ĉiaj-temoj. Nepre respondas.

*Vitoria* (Hispan. Alava). — S-ro F. B. Goiri, L., PM., kun ĉinoj, japanoj, U.S.S.R.

*Weissenberg* (German., Lőbau). — S-ro Walter Lukas. Kirchgasse 120-a, PI., bfl. L., certe resp.

*Wellington* (Nov-Zelando). — S-ro M. J. Ravelich, G.P.O., PM. nur kun Azio, Afriko, Sud-Ameriko.

*Westerholt i. Westf.* (Germanujo) S-ro. H. Hauwe, kapelestro Elisabethstr. 6. deziras k.k.ĉ.l., prefere k. muzikistoj k. F-inoj. ĉ. resp. tuj. PL. PM. L. k.ĉ.l. fot-aĵoj.

*Toyama* (Japan). — S-ro Tuneo Matumoto, 268 Sengoku-Mati, PM., PI., gaz., pentraĵojn.

# Petoj kaj Proponoj

*INTERNACIA KOMERCO*

*Adresaro.* — BES-Adresaro de Esperantistoj el ĉiuj landoj aperos pro malfrue veninta adresmaterialo — nur en Majo 1932. — E-Eldonejo, BES, Potŝtejn, Ĉeĥoslov.

*Biblioteko.* — Por fondi bibliotekon mi petas samideanojn de la tuta mondo sendi donace librojn kaj esperantaĵojn, kiel dankon, ni sendos kelkajn arabajn propagandilojn interesan broŝuron pri la piramido kaj belan vidaĵon el Egipto. Esperanto-Grupo « La Frateco », S-ro Tadros Migalli, prezidanto, Delegito de UEA, Fayoum.

*Bulgario* — la centro de Vulkana, Duoninsulo-lando de proksima Universala Esp. Kongreso- Lando de rozoj, certe interesa kaj koninda. Akiru tuj la du esp. verkojn kun portretoj kaj landkarto multkolora :
BULGARA ANTOLOGIO : La BULGARA LANDO KAJ POPOLO, kune menditaj kaj antaŭpagita *nur* 5 *sv. fr. aŭ egalvaloro* (1 Dolaro, 4 GM ktp.) anstataŭ 9 sv. fr., inkl. sendkostoj kaj rekomendo. I. Krestanov, str. Vasil Drumev, 35, Sofia V, Bulgario.

*Enketo.* — Por informi la urban estraron kaj montri efikon de Esperanto mi deziras informojn pri la maniero malaperigi balaaĵojn kaj malpuraĵojn en la ĉefaj tutmondaj urboj. Fernando Redondo, Commandancia Militar, Palma de Mallorca, Hispanujo.

*Filatelistoj !* Mi sendos per rekomendita letero unu miniaturan albumon, unua, dua aŭ triaklasan, enhavanta 48 diversajn poŝt markojn al ĉiu, kiu sendos al mi ankaŭ rekomendite 100, 200 aŭ 300 poŝtmarkojn el sia lando po kvin pecoj el ĉiu tipo maksimume. — Eleuterio Rosario Campo, Strato Mariño 15, Porlamar, Insulo Margarita, Venezuelo.

*Filatelistoj.* — Serioza kolektanto, sendos 100 aŭ 200 poŝtmarkojn de mia lando al kiu sendas egalan nombron de sia lando. Mi ŝanĝas revuojn por PM. — Manuel Garcia Valencia, Fabiani 16, Zaragoza Hispan.

*Gazetara Servo.* — Mi serĉas kunlaborantojn, el negermanaj landoj por raportado kaj informado por gazetoj. F. W. Mischke, redaktoro Radeberg, SA Germanujo.

*Katolikismo.* — Ne-katolikoj kiuj deziras informojn pri la katolika diservo povos ricevi ilin senpage de unu el katolikaj informoficejoj en Nederlando pere de l'korespondanto M. Goosens, Noblestraat 10, Brielle, Nederlando.

*Libertempo.* — Fakinstruisto por germana lingvo, literaturo, geografio, historio, ĉe austria ŝtata ĉeflernejo, sperta en moderna instruo kaj edukado, ŝtate ekz. Esperanto instruisto, partopreninto de la Internacia Esperanto-kurso por Pedagogoj de la Cseh-Instituto en Arnhem, 34 jara, vidvo, dum la libertempo 5.7. ĝis 15.9. volonte estus preta okupi sin kun infanoj de familio aŭ feria kolonio, kiu invitas lin kiel gasto. Atestoj, foto al dispono. Pero rekompencata. Proponoj al s-ro Watzinger Franz, fakinstruisto, Delegito de UEA, Widmanngasse, 27, Villach, Austrio.

*Libertempa restado.* — Inĝeniero deziras pasigi 20 tagojn en Esp. familio. Ofertoj kun prezoj al G. Olié, Groote Berg 9 -A, Eindhoven, Nederlando. Proponas loĝejon por libertempi en Nederlando interŝanĝe. Deziras korespondi.

*Peto je helpo.* — Samideanoj helpu al mi forveturi el mia lando. M. Novoderejkin, Barjatinskij pereulok 1, kv. 9, Odessa, U.S.S.R.

*Pensiono.* — Distinga familio akceptas pensianojn. Fluanta akvo, varma kaj malvarma, centra hejtado, ĝardeno. Modera prezo. — Situita kontraŭ la liceo Michelet. — S-ino du Sablon, 14 bis Avenue Victor-Hugo, Vanves, Paris.

*Senarmigo-sigelmarkoj.* — Oni povas aĉeti la sigelmarkojn por senarmigo, eldonitajn de la Virina Ligo por Paco kaj Libereco ĉe jenaj adresoj : (Prezo de unu folio 4 Frk. fr. )
*Francujo.* — G. Guinaud, Rue Blanchard Ballancourt (Seine et Oise).
M. Borel I quai C. Bernard, Lyon.
*Nederlando.* — Sino J. Isbrücker, Oostduinlaan 32, Hago.
*Hungarujo.* — Sino. Nora Kozma, Andrassy, 5, Budapest 6.
*Svisujo.* — Sino Jayet, Paquis 7, Morges Vaud.
*Skotlando.* — Sro Wyllie, Regent street 4, Paisley.
*Germanujo.* — Sino Elise Jacobs, Mathildenstr. 9, Flensburg.
*Svedujo.* — Sro Einar Dahl, Ridhusgaten 6, Uddevala.
*Ĉekoslov.* — Sro Rob. Bloch, Poŝtministerio, na Smichové Praha.
*Polujo.* — Sino Bianca Haas, Bielsko, Kolejova II.

*Vojaĝo tra Italio.* — Kiu deziras partopreni malmultekostan vojaĝon en aŭtomobilo, komencante de Ĝenevo al Marseille laŭlonĝe de la marbordo al Genova, Romo, Napolo, Sicilio kaj reen laŭ Adria morbordo, po-ebenaĵo al Tiĉino. Daŭro 2 monatoj de Majo ĝis Junio. Simpla vivado. Junaj personoj muzikemaj kaj sportamantaj skribu al Wilhelm Moeres. Rue Cherbuliez 2, Genève, Svislando.



## Pri la Nove Elironta Bensona Verko

Multego da nova materialo, ne menciita en nia antaŭa anonco, nun estas preparata kaj aldonata al la verko. Jen kelkaj el la novaĵoj :

1. La krestomatia parto estos ornamita per centoj da bildoj. Sekve la verko enhavos proksimume 11.000 bildojn anstataŭ 10.000.
2. Originale verkita novelo « La fonto de juneco » de D-ro Benson, ornamita per 80 bildoj.
3. Du plenpaĝaj tabeloj klarigantaj la prononcadon de la esperanta alfabeto, en 36 lingvoj.
4. Kvin tabeloj (plenpaĝaj) de la korelativoj en 36 lingvoj.
5. Aldono de kvin difinaj lingvoj por la vortaro. La vortaro, do enhavos 45 lingvojn anstataŭ 40.
6. Ĉirkaŭ 100 listoj de samspecaj vortoj alfabete ordigitaj. Jen ekzemplo de la listo de sonoj.

SONOJ. -- Aplaŭdi, Aserti, Bai, Babili, Bleki, Boji, Brui, Ĉirpi, Deklami, Diri, Diskuti, Eĥi, Eksplodi, Fajfi, Flustri, Grinci, Grumbli, Grinti, Ĝemi, Heni, Klaĉi, Klaki, Kluki, Knari, Kraki, Krevi, Krii, Kvaki, Kveri, Kvereli, Lamenti, Miaŭi, Muĝi, Murmuri, Oscedi, Paroli, Pepi, Plaŭdi, Plendi, Plori, Prononci, Rakonti, Rukti, Rukuli, Sibli, Singulti, Soni, Sonori, Spiri, Suflori, Susuri, Ŝmaci, Terni, Tiktaki, Tinti, Tono, Tondri, Trili, Trumpeti, Tumulti, Ululi, Voki, Zumi.

Pro tiuj kaj multaj aliaj aldonoj, la verko ne estos presita antaŭ Aŭgusto 1932. Certe la aldonoj kostas al ni kelkajn milojn da dolaroj, sed vi, la mendintoj profitos je nia kosto.

Ĉar la mendintoj daŭrigas skribi al ni leterojn kiuj necesigas respondojn, kaj sekve perdon de nia tempo, ni decidis ne plu akcepti mendojn ĝis la verko estos presita kaj preta por livero.

**Benson School of Esperanto, NEWARK, N. J. Usono.**

L'IMPRIMEUR-GÉRANT : A. GRANCHAMP, 2, RUE DES USINES, ANNEMASSE. — 239-5-32.